VIIª jaro. Nº 102 ★ Duonmonata ★ 5 Junio 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. »)
Luksa eldono. . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
HECTOR HODLER

**REKLAMO**

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd.
Korespondado (1 enskribo) . 20 Sd.
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO

*Antverpenon !*, Esperanto.
*Ni, la mortintaj*, H. H.

**Socia vivo** :

*Ardenaj landoj*, G. Ramboux.
*Kie estas la prahejmo de la Indo-Europanoj ?* J. Ln.
*Situacio de la oficistoj en Francujo*, E. Souchay.
*Dungado de junuloj en Britujo*, P. Blaise.
*La ŝparado en Rusujo*, N. Spengler.
*Aziloj por infanoj*, J. Makara.
*La nova leĝa horo en Francujo*, M. Générmont.
*Angla vidindajo*, A.-H. Mare.
*Tra la hispana teatro*, P. Linarès.
*Notoj*.

**Literatura paĝo** :

*Tra la Esperanta literaturo* : Verto.

**Esperantismo** :

*Kroniko*.
*Novaj kursoj, festoj, paroladoj, k. a.*
*Okazontajoj (Kongresoj kaj festoj).*
*Diversajoj (Tra la gazetaro).*

**U. E. A.** :

*Oficiala informilo ; Novaj Delegitoj.*
*Esperantia parolejo ; Fakaj organizajoj.*

**Aldono** : **Virina Bulteno.**

## ANTVERPENON !

La 20an de Aŭgusto malfermiĝos en Antverpeno la Sepa Universala Kongreso de Esperanto. Ĉio antaŭmontras gravan sukceson : la granda nombro de la ricevitaj aliĝoj (681 je la 4ª de Majo), la speciale centra situacio de Antverpeno, kiu permesos la facilan alvojaĝadon de multenombraj ĉiulandaj samideanoj, la zorgo kun kiu estas preparita jam de longe la Kongresa organizo, la fakto ke de du jaroj ne okazis Universala Esperanto-Kongreso en Eŭropo, ne parolante pri la de malnovaj Esperantistoj konataj kaj de novaj Esperantistoj konindaj allogajoj de la dumkongresa vivado.

Kion celas Esperantista Kongreso ? Internacia Esperantista Kongreso, skribas D-ro Zamenhof, estas antaŭ ĉio festo de la Esperantismo kaj propaganda manifestado. El tio sekvas, ke grave influas al la efiko de tiu manifestado la pli aŭ malpli granda nombro de la partoprenantoj. Per ĝi la publiko, kiu ĝenerale kontentiĝas per tre simplaj juĝoj, mezuras, ĉu kreskis aŭ dormis nia movado. Estas do devo de ĉiu Esperantisto, kiu volas akceli la disvastiĝon de la lingvo Esperanto, fari ĉion eblan por ĉeesti la Sepan kaj, al la celo faciligi la ĉiam pezan laboron de la kongresaj organizantoj sendi kiel eble plej baldaŭ sian aliĝilon.

El la speciala Esperantia vidpunkto, kiu estas tiu de nia gazeto, ni povas al ĉiuj Esperantianoj varme rekomendi ĉeeston je la Kongreso de Esperanto. Estas evidente, ke la praktika laboro de U. E. A. kaj la progreso de Esperantismo, kiel ĝin konsideras nia Asocio, estos tiom pli faciligataj, kiom pli rapide disvastiĝos la lingvo Esperanto ĝia necesega ilo. Ĉar la Kongreso estas potenca disvastigilo de nia lingvo, nia propra intereso estas ĝin helpi.

La Kongreso ne nur estas festo kaj manifestado — kvankam en ĉi tio ĉefe estas ĝia propaganda valoro — ĝi ankaŭ diskutas kaj decidas pri tiuj demandoj, kiuj koncernas la ĝeneralan *propagandon* de Esperanto. Ĝis nun, povis partopreni en la diskutoj kaj voĉdonoj ĉiuj ajn kongresanoj ; de nun, laŭ projekto de D-ro Zamenhof, por faciligi la kongresan laboron kaj ebligi, ke la Kongreso pli ĝuste reprezentu la opinion de la Esperantistaj propagandaj organizajoj, havos voĉdonrajton nur la personoj, kiuj estas rajtigitaj de sia loka grupo (1).

* *

Ni pli supre substrekis la vorton propagando, ĉar tia estas efektive la celo de la Kongreso kaj de la diversaj Esperantistaj organizajoj. Propagando havas signifon nur se ĝi atentigas pri io, kio ekzistas per si mem. La Esperantista Kongreso celas konigi Esperanton al la publiko, sed aliparte estas necese pruvi, ke Esperanto utilas por io difinita, ke ĝia sorto ne dependas nur de la pli aŭ malpli granda preteco de la homoj por ĝin akcepti, sed ke ĝi jam havas memstaran utilan ekziston, propran kaj nuntempan gravecon en la internacia vivo.

(1) Ili havos 1 voĉon por ĉiuj 25 membroj.

Ĝuste por tio ekzistas U. E. A., rilate al kiu Esperanto ne estas celo, sed rimedo. La rolo de nia Asocio estas esence malsama al tiu de la diversaj propagandaj organizajoj. Ĉar tion postulas ĝia celo mem, ĝi estas organizita en tute alia maniero kaj laŭ propraj al ĝi principoj. Ĝi do havos ankaŭ sian propran Kongreson, sed tiom pro praktikaj kaŭzoj facile kompreneblaj, kiom pro la parenceco. kiu ligas Esperantion al la poresperanta movado, ĝia Kongreso okazos en la sama urbo kiel la Esperantista Kongreso.

La dua Kongreso de U. E. A. malfermiĝos en Antverpeno la 26an de Aŭgusto, t. e. tuj post la fermo de la Esperanttista Kongreso. Kiel la unua, ĝi antaŭ ĉio estas *labora* kongreso. Rilate al la estinteco, ĝi ekzamenas la agadon de U. E. A., depost la lasta Kongreso, konstatas, kiuj deziresprimoj voĉdonitaj unu jaron antaŭe estis realigitaj, kiuj ne estis realigitaj kaj pro kio. Rilate al la estonteco, ĝi fiksas la grandajn liniojn de la Esperantia agado dum la venonta jaro kaj, ne enirante en la diskutojn de la detaloj pri kiuj ĝi ne estus kompetenta, voĉdonas diversajn deziresprimojn, proponitajn ĉu de ĝiaj membroj, ĉu de ĝia estraro, kiuj formas klaran agadplanon por unu jaro. La Komitato kaj aliaj organoj poste bezonas nur prilabori la detalojn.

En Augsburgo oni diskutis kaj voĉdonis grandan nombron de tiuj deziresprimoj· En Antverpeno, oni povos konstati ke la pligranda nombro de ili estas jam efektivigitaj kaj aplikitaj, speciale ĉiuj, kiuj koncernas la administradon kaj internan organizon de U. E. A. Ĉar tiuj demandoj estas nun fiksitaj, nia Kongreso ekzamenos multe malpli da administraj temoj ol la lasta Kongreso, sed kompense pli da temoj, kiuj rekte koncernas la praktikan agadon mem de U. E. A., ĝiajn servojn, novajn aplikojn kreeblajn per ĝi. Ĝi do estos tiom pli interesa kaj vivoplena.

Ne estas la loko ĉi tie diskuti la demandojn, kiuj altiros ĝian atenton. Nur flugrapide ni povas citi kelkajn : la kreo de specialaj fakaj bultenoj laŭ la ekzemplo de la Komerca Bulteno, kaj de Esperantiaj fakaj sekcioj interne de U. E. A., la starigo de nova servo por interŝanĝado kaj interkorespondado, la demando pri utiligo de aviado por U. E. A., pri rondirantaj Esperantiaj ekspozicioj, pri U. E. A. kaj laboristoj, pri distriktaj Esperantiaj afiŝoj, k. t. p., krom la apartaj proponoj de la Esperantianoj. Estas do riĉa tagordo, kiu ĝuste pro sia riĉeco mem, postulas la ekzamenadon de kiel eble plej multaj Esperantianoj.

Cetere, ni ne sole diskutos pri pure Esperantiaj demandoj, sed ankaŭ pri kelkaj temoj, kiuj rilatas al la plifaciligo de la interhomaj rilatoj. Oni rememoras, ke la lastan jaron okazis interesaj diskutoj pri la Monoa sistemo kaj la Reformo de l'Kalendaro. Ni intencas fari ion similan en ĉi tiu jaro, pri aliaj temoj, kaj ni estus dankaj al niaj membroj, kiuj bonvolus sendi al ni siajn proponojn aŭ sugestojn por tiu parto de la kongresaj laboroj. Ĉio, kio kondukas al la rompado de la muroj inter la popoloj apartenas al la agadkampo de Esperantio.

Ni ne bezonas denove atentigi, ke la Kongreso de U. E. A. tute ne estas rezervata sole por la Delegitoj, sed male estas difinita por ĉiuj membroj, ke, same, rajtas sendi proponojn antaŭ la fiksita tempolimo (25 junio) ĉiuj Esperantianoj. Ni esperas kaj deziras, ke kiel eble plej multaj el ili uzos tiun rajton kaj konkrete esprimos siajn bezonojn kaj siajn opiniojn pri la agado de U. E. A.

Por faciligi la ĉeestadon al nia Kongreso, ni fiksis la kotizajon nur je 2 Sm. (anstataŭ 3 Sm. por nia unua Kongreso). Dank'al tiu kotizajo ni povas antaŭe presigi ĉiujn Kongresajn raportojn kaj diskutojn — kio estas necesega por la seriozeco kaj efiko de la Kongreso. Estas do nenia malhelpo por ke ĉiuj Esperantistoj, kiuj veturos Antverpenon por la Sepa kaj estas Esperantianoj, ĉeestu nian Kongreson. La personoj, kiuj deziras partopreni la vojaĝon tra Belgujo, povos tion facile fari post nia Kongreso, ĉar tia kvartaga rondvojaĝo estos organizata sub la aŭspicioj de U. E. A.

Ni do alvokas al ĉiuj niaj membroj, ke ili plej multope partoprenu en la dua Kongreso de U. E. A. kaj ke ili principe ne atendu ĝis la lasta horo por plenigi sian aliĝilon kaj ĝin sendi al ni — kio estas plej maloportuna por la antaŭaj aranĝoj. El la respondado, kiun oni faros al nia alvoko, dependas la sukceso, materia kaj morala, de nia Kongreso, kaj, ne rekte, de nia Asocio. — Sed, malĝoje pensos kelkaj legantoj, estas malfeliĉaj homoj, kiuj malgraŭ sia dezirego, tute ne povos veturi Antverpenon ; ili tamen estas fervoraj samideanoj, kiuj kore dezirus helpi al la sukceso de la kongreso...

Ekzistas konkreta maniero tion pruvi : tiuj personoj aliĝu kiel helpkongresanoj (1 Sm.). Ili ricevos interŝanĝe la plenan Kongresan dokumentaron, kiu ne nur alportos al ili eĥon de la Antverpena vivo, sed estos utila gvidilo por ilia dumjara agado.

Konkludo : veturonta aŭ neveturonta, sendu tuj vian aliĝilon !

ESPERANTO.

# Liberaj Vortoj

## Ni la mortintaj !

Vi kelkafoje, pli ĝuste tre ofte, renkontas personojn, kiuj vin rigardas kun kompato triumfe dirante : « Esperanto ? Sed ĝi ja estas mortinta afero. Mi legis en la gazeto de V. ke la Esperantista movado malsukcesis, ke la nombro de la adeptoj de tiu lingvo rapide malgrandiĝas, ke... » Kaj aliajn vi aŭdas, kiuj klere anoncas al vi : « Esperanto ? Sed pardonu, vi ne estas bone informata. Mi jus legis en la jurnalo de S. gravegan artikolon de profesoro O., Nobelpremiulo, mi petas, kiu asertas, ke anstataŭ Esperanto triumfas nun ĉie la lingvo Esperido, pli scienca, pli logika, pli facila..... ».

Anstataŭ indigni kaj argumenti, montru al tiuj profetoj la liston de la Esperantistaj kunvenoj kaj Kongresoj okazontaj dum tiu somero, pli speciale dum tiu Pentekosta semajno : Kongreso germana en Lübeck, Kongreso angla en Southport, Kongreso belga en Charleroi, Bohema festo en Brno, Kongreso en Limoges, Kongreso en Le Mans, Kongreso en Genova, Esperantia kunveno en Zürich (mi certe forgesas kelkajn...) Neniam okazis tiel multe da kunvenoj, neniam Esperanto estis tiel viva, neniam nia agado estis tiel vigla kaj ĝenerala.

Ni la mortintaj fartas tre bone !

H. H.

---

∴ La rubriko *Liberaj Vortoj* estas rezervata al la redakcio de tiu jurnalo. Komprenebie la artikoloj publikigataj sub tiu titolo esprimas nur la privatan opinion de sia subskribinto, ne oficialan opinion de U. E. A.

∴ La redakcio de **ESPERANTO** serĉas kunlaborantojn por la rubriko Mondliteraturo (recenzo de naciaj verkoj havantaj internacian signifon), speciale pri lingvoj germana, angla, franca, rusa, pola kaj itala.

Ĝi ankaŭ serĉas kunlaborantojn pri ĉiuj rubrikoj en Sud-Ameriko kaj ĝenerale en ĉiuj neeŭropaj landoj.

∴ Post julio, nia gazeto aperos sur pli bona papero. Al la personoj kiuj deziras bindi la jurnalon, ni tre konsilas aboni la luksan eldonon (2,50 Sm.) (Red.)

# SOCIA VIVO

GEOGRAFIO

## Ardenaj Landoj

Ĉiujare, kiam la libertempo estas veninta, vi forlasas vian hejmon kaj vi iras al la plej belaj regionoj, ĉu ĉe la marbordoj, ĉu ĉe la montoj.

Viaj pulmoj bezonas pleniĝi per alia aero, viaj okuloj deziras vidi aliajn panoramojn, viaj oreloj aspiras aŭdi aliajn sonojn ; fine tuta via persono volas alian vivmanieron. Tiu alia vivo estas nedaŭra, sed ĝi plenigos vian animon per dolĉaj memoroj.

Vi povus akiri tiun plezuron dum la libertempo, pli aŭ malpli grandan, laŭ via kapitalo.

Sed,iri kien? Demando embarasanta kaj malfacila por klarigi.

Tiun jaron, dum la aŭgusta monato, la Sepa Universala Kongreso de Esperanto kaj la dua de U. E. A. okazos en Antverpen, kaj multaj estas la esperantistoj irontaj tien. Tiele ili pasigos sian libertempon.

Kial ili ne utiligus sian vojaĝon por vidi la belajojn starantajn sur ilia vojiro ?

Ĉu vi deziras ĝui la ensorĉadon de montoj kaj valoj, viziti la fortikigitan urbon kaj la fabrikantan urbegon ?

Trapasu en la ardenaj landoj, kiuj krom tio posedas multajn beletajn pejzaĝojn.

Sed, vi diras al mi, kie tiu regiono troviĝas, kies mirindajojn vi volas laŭdi ?

Tuj, mi kontentigos vian scivolemon. La Ardenaj landoj kuŝas nordoriente de Francujo. Tiuj landoj estas limigitaj per Ĉampanio kaj Belgujo. Ĝia plej beleta kaj interesa parto estas, ne kontraŭdireble, la valo de « Meuse » komenciĝanta ĉe Charleville-Mézières por finiĝi en Belgujon trans Givet.

En la Ardenoj, la montetoj sin intersekvas sen ŝajna ordo, prezentante la grandiozan aspekton kaj la sovaĝan karakteron de la altaj montoj, precipe tiuj, kiuj borderas la « Meuse » kaj la « Semoj » (kie troviĝas ankoraŭ tiom da pentrindaj sitoj), kaŭze de l'abrupteco de la deklivoj, de la ŝtonegoj kaj de la fendegoj, kiujn oni tie renkontas.

La turmentetaj valoj de la « Meuse » kaj de ĝiaj alfluajoj estas nur fendegoj mallarĝaj en la platajo. La plej altaj lokoj estas la « Haute-Buttée », la « Roc la Tour », la « Dames de Meuse », la « Quatre Fils Aymon » kaj « Charlemont ». Ĉiuj sitoj, kiuj estas tiom da naturaj kuriozajoj, altiras ĉiujare milojn da turistoj. Ĉiuj, kiuj bonŝancis viziti la ardenajn landojn, foriris ravataj intencinte reveni kune kun siaj amikoj.

La « Meuse ». Tio estas larĝa zigzaga riverego, kun la akvoj klaraj kaj fiŝriĉaj. Ĝi naskiĝas ĉe la platajo de Langres, ĝis Charleville, ĝia valo estas larĝa agrabla. Trans tiu urbo, en la masivo de l'Ardeno, tio estas nur malhela intermonto, profunda kaj torda. Ofte la montoj aŭ la rokoj kiuj enpremas ĝin stariĝas abrupte sur la bordo mem de la riverego. En kelkaj lokoj apenaŭ restas loko por la strato kaj la fervojo. Tiu valo estas unu el plej kuriozaj en Francujo.

Charleville, la plej grava, industria kaj komerca urbo de la regiono, estas la celo de unua haltado. El tiu urbo, oni povas ekskursi en la ĉirkaŭajojn kaj en la valon de nia riverego, per vagonaro aŭ vaporŝipo. Tie estas esperantista grupo kiu akceptos la vizitantojn plezurege kaj donos al ili multe utilajn sciigojn.

Charleville posedas belan bibliotekon kun 23.000 libroj ; beletan fontanomonumenton de sia fondinto : Charles de Gonzague ; ĝi estas konstruita meze de la ĉefa placo, nomita duka, placo admirinda pro siaj arkajoj. Estas ankaŭ rimarkindaj urbdomo kaj preĝejo ; ĉarmaj promenejoj kiel la monto « Olimpa », k. t. p.

Mézières, ĉefurbo prokime de Charleville (ĉar nur bulvardo novkonstruita komunikigas la du urbojn) estas ankoraŭ vizitinda pro sia antikva arĥitektura preĝejo kaj restajoj de siaj antikvaj remparoj kaj citadelo.

Multe da aliaj urboj kiel :

Sedan, posedanta la kastelon kie naskiĝis la fama generalo Tureno : Givet, kun sia fortikajo konstruita sub la regado de Karlo V[a] sur kruta ŝtonajo ; Douzy, kaj ĝia aviadkampo ; Mouzon, kun sia katedralo la plej purstila el la regiono (XIII[a] centjaro) k. t. p. ; estas indaj je la vizito de l'turisto.

Ĉu vi ne volos profiti de via veturo al Antverpeno por vidi nian regionon ? Mi certigas vin, ke vi ne bedaŭros tiun vojaĝon.

Ankaŭ, mi esperas vidi vin kaj premi samideane viajn manojn ĉe via pasado en mia urbo : Charleville.

Georges Ramboux (Esp-iano Charleville).

## Kie estis la prahejmo de la indo-eŭropanoj ?

En jus eldonita kajero de la sveda revuo *Nordisk Tidskrift* S-ro K. F. Johansson, profesoro de lingvoscienco ĉe la universitato en Uppsala, provas respondi la demandon, kie oni povas serĉi la prahejmon de la indo-eŭropa gento. Lia konkludo estas resume, ke la skandinavoj pli ol iu alia samgenta nacio loĝas proksime al la komuna prahejmo — kun escepto eble por nordgermanoj kaj litovoj — kaj ke ĝi estas plej verŝajne trovebla en suda Svedujo kaj sur la danaj insuloj. La redakcio de la nomita revuo tamen rimarkigas per noto, ke opinioj esprimitaj de verkinto en la revuo montras lian koncepton, sed ne tiun de la redakcio.

Same kiel la indo-eŭropaj lingvoj montras komunan pralingvon, komuna pranacio estas supozebla por tiuj gentgrupoj, al kiuj apartenas la nomitaj parencaj lingvoj. La demando do estas : en kiu regiono loĝis ĉi tiu konjektata pranacio en tempo plej proksima antaŭ la nacia kaj lingva disiĝo ? Tio estas : el kie venis la indo-eŭropaj lingvogrupoj, kaj laŭ kiuj vojoj ili venis al siaj historiaj loĝejoj — aŭ se la transmigro malrapide okazis pro kreskado de la loĝantaro, aŭ se ĝi estis pli rapida kiel sekvo de militoj ?

Komence oni opiniis, ke la indo-eŭropanoj evidente venis el Azio en Eŭropon. Tamen oni trovis pozitivajn argumentojn por la mala konjekto, ke Eŭropo pli ol iu ajn alia mondparto devas esti konsiderata kiel la naskiĝejo de nia gento. Oni devas konjekti, ke la origina regiono de la indo-eŭropa gento estas tiu, kiun ĝi ankoraŭ okupas. La originan nacion oni devas serĉi tie, kie ĝiaj ĉefpartoj estas ankoraŭ troveblaj — t. e. en Eŭropo.

Histori-geografia esploro efektive montras, ke je ia grado estas eble retrovi la direktojn de la divastiĝo. Samaj esploroj ankaŭ ŝajnigas, ke tiuj linioj ĝenerale des pli proksimiĝas, ju pli oni sekvas ilin al frua tempo. Kaj se oni pense plilongigas tiujn liniojn ĝis ilia krucejo, tiu punkto evidente kuŝus en Eŭropo, kaj plej verŝajne proksimune ĉe Balta maro.

Per la lingvokomparado oni povas rekoni la naturobjektojn kaj ĝeneralan kulturon, kiujn konis la indo-eŭropaj popoloj en tre frua epoko.

La pralingvo posedas esprimojn rilate al tiuj dombestoj kaj kulturestajoj, kiujn la prahistoria arĥeologio konstatis pri la lasta parto de la ŝtonepoko en Eŭropo. Esplorante la indo-eŭropajn vortojn pri kampkulturado kaj kulturkreskajoj, oni tamen trovas preskaŭ nur vortojn pri grenspecoj kaj ilia kulturado, dum nomoj de legomoj ĝenerale mankas. Do oni povas konkludi, ke — dum la indo-eŭropanoj kiel homogena popolo ankoraŭ loĝis en tiuj regionoj, el kiuj ili dismigris — ili ĝenerale konis kaj kreskigis nur la plej mal-

novajn grenospecojn. Precipe la hordeo estis grava. Ĉar la hordeo estis la ĉefa grenspeco, tio montras geografian regionon kie la someroj estis mallongaj, kaj kie alia greno ne povus egale sukcesi. Al tia regiono ankaŭ montras la cirkonstanco, ke la pralingvo havis vortojn por glacio kaj neĝo, tri sezonojn : vintro, printempo kaj somero, nomojn por la bestoj urso, lupo, cervo, alko, kastoro, apro, lutro (verŝajne), k. t. p., sed nek leono nek tigro. El arboj nepre troveblaj en la lando de la frua loĝado Profesoro Johansson citas la fraksenon, la tremolon, la ulmon kaj la kverkon. La laste nomita evidente estis la plej grava. Sed la ĉefa kreskejo de la kverko estas la norda Eŭropo, precipe en Shandinavujo.

La antropologio fine verŝajnigas, ke la indo-eŭropaj prauloj estis altstaturaj, blondaj kaj ofte bluokulaj. Ankaŭ ŝajnas, ke la longa kranioformo ĝénerale karakterizis ilin tie, kie oni devas konjekti, ke ili estis malplej miksitaj je fremda sango. Sed tiuj rasosignoj nuntempe estas troveblaj plej fortaj kaj puraj ĉirkaŭ la suda parto de Balta maro. Kaj la longa kranioformo estas plue konstatita en antikvaj tomboj en Svedujo je pli granda proporcio ol en iu alia regiono. La rezultato de la esploro de Profesoro Johansson do estas, ke la indo-eŭropa raso konjekteble disvastiĝis el Svedujo.

Resumis ILN.

LABORO

## La situacio de la oficistoj en Francujo

La nombro de la salajruloj de la magazenoj, butikoj, oficejoj multe pligrandiĝis dum la lastaj dek aŭ dek kvin jaroj. La oficialaj ciferoj tion pruvas :

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 972.000 | inter kiuj | 242.000 | virinoj dum | 1866 |
| 1.656.000 | — | 577.000 | — | 1896 |
| 1.881.000 | — | 697.000 | — | 1901 |
| 2.068.000 | — | 779.000 | — | 1906 |

La komercaj laboristoj estis :

La 7 % de la aktiva popolo de Francujo dum 1866, la 9 % dum 1896 kaj la 10 % dum 1906.

Tio montras ĝis kia grado ilia agado pligrandiĝis en la ĝenerala vivado de la lando.

Sed en la ciferoj, kiujn ni donis supere, oni devas rimarki ke la virinoj estis la 1/4 1866, la 1/3 en 1896, la 2/5 en 1906.

Venos tre baldaŭ la tago kiam la virinoj estos samnombraj kiel la viroj.

La butikaj kaj oficejaj salajruloj dum longa tempo estis submetitaj al specialaj kondiĉoj. La sociaj leĝoj, la leĝoj de protekto kaj defendo ne aplikiĝis al ili; kiam en 1841 la Parlamento defendis la infanojn kontraŭ senmodera trolaŭigado ĝi ne pensis pri tiuj kiuj laboras en la butikoj. Kiam en 1874, 1892, 1900 oni faris leĝojn pri la neplenaĝaj junulinoj, la virinoj eĉ la plenaĝaj viroj, oni leĝofaris sole por la fabrikoj kaj la laborĉambroj. Sole por la industrio en 1893 oni faris regularojn pri higieno kaj sanigado. En 1898 la leĝo pri la akcidentaj malsanoj ne okupis sin pri la oficistoj. Tamen dum la dek lastaj jaroj oni komencis pensi pri ili. La sanitara kontrolo estas nun etendita al la komercaj lokoj. La leĝo de 1898 estas aplikebla al ili depost kvin jaroj. Nun ili havas la rajton baloti prudomajn konsilantojn. Ili nun havas la leĝon pri semajna ripozo (sed malmulte obeita). Ili povos uzi la leĝon pri maljunulaj pensioj. Sed neniu regularo fiksas la nombron de la horoj dum kiuj ili devas labori, kvankam depost 1900, milionoj de salajruloj laboras 10 horojn kaj depost 1848 en la fabrikejoj oni ne devas labori pli ol 12 horojn.

En la Parlamento estas diversaj protektoj, kiuj koncernas la oficistojn. En la Senato, S-ro Julien Goujon proponas ke la oficistoj kiuj laboras ekster la magazenoj ne estu pli ol 2 horojn nokte kaj pli ol 6 horojn tage por tiu laboro. Ĉe la deputataro S-ro Viviani petas ke la ripozo ne estu malpli ol 11 horoj tage kaj S-ro de Mun proponas la dekhoran labortagon, sub kelkaj esceptoj.

La problemo ne estas nova ĉar la Supera Labora Konsilantaro sin okupis pri ĝi 10 jarojn antaŭe. Sed nun ĝi estas tute speciala aktualaĵo kaj ne plu estas permesite ĝin ankoraŭ prokrasti.

E. SOUCHAY (Laborkonsulo Parizo).

## La dungado de junuloj en Britujo

Ricevante ĉiutage leterojn de junuloj kiuj deziras veni al Anglujo por labori, mi donas ĉi sube resumon de cirkulero de la Franca Komerca Ĉambro de Londono.

Ili estu utilaj al la estontaj vojaĝantoj al nia granda urbo ! Ĉiuj ilin atente legu !

La unua kondiĉo por trovi oficon estas sin trovi en Londono mem, ĉar estroj de komercaj firmoj dungas oficistojn post intervjuo, ne per korespondado.

La dua estas esti kapabla paroli la anglan lingvon sufiĉe flue kaj havi komercajn kapablojn pri maŝinskribado, stenografio, librotenado, k. t. p.

Ne estas angla kutimo laborigi junulon kontraŭ ricevo de loĝejo kaj nutraĵo. Nur malmultaj fremdaj firmoj tion faras, sed ilia nombro estas tiel malgranda ke oni ne povas esperi trovi oficon tie laŭ tiaj kondiĉoj.

La juna fremdulo ankaŭ ne esperu laborgajni sian vivon instruante sian nacian lingvon, ĉar la nombro de instruantoj estas tro granda por la bezono de l'publiko.

Por eviti ke la junuloj malesperu post sia alveno ĉi tie, ni konsilas ke ili ne venu, se ili ne povos restadi en la urbo dum kelkaj semajnoj ne laborante. Estas ĉi tie amaso da junuloj, spertaj librotenantoj, korespondantoj, k. c. kiuj konas diversajn lingvojn kaj malgraŭ tio devas kelkafoje atendi du eĉ tri monatojn antaŭ ol ili povas ricevi oficon en la komenco malbonege pagitan kiu ne sufiĉas por pagi ilian vivadon.

La kosto de ordinara pensiono atingas ĉirkaŭ dek du Sm. po semajno (1).

P. BLAISE (D. D., Londono).

FINANCOJ

## La ŝparado en Rusujo

En la numero 92 de *Esperanto*, la artikolo titolita « La ŝparado en Usono kaj aliaj landoj » ne parolis pri Rusujo, kvankam ĉiujare estas tie ĉi eldonataj tre detalaj raportoj pri la ŝparkasoj. Jen kelkaj ciferoj : Ŝparkaso donas 3,6 % ; la nombro de enmetintoj je la 1a de januaro 1910 estis 6.939.772. Valoro de la kontaro : Sm. 1.644.473.000 la meza nombro po persono estas 237 Sm.

En la nombro de la enmetintoj, la virinoj formas la 43 %. la malkleruloj 34,5 % ; en tiu lasta cifero, ni vidas, ke la viroj formas 13 % kaj la virinoj 21,5 %.

La enmetintoj havantaj malpli ol 25 rublojn popersone (1 rublo = Sm. 0,95) formas 39 %, iliaj monpagoj 1,3 %. La nombro de monpagoj pli grandaj ol 500 rubloj faras 13 % kaj la sumo de tiuj deponaĵoj 56,3 %.

N. SPENGLER (Vladivostok).

(1) Ni plezure ricevus informojn el aliaj landoj pri le specialaj kondiĉoj de dungado de junuloj. (Red).

IDEOJ & FAKTOJ

## Aziloj por infanoj

*(Sekvo)*

La malriĉaj infanetoj ricevas tiun higienan lakton, kies produktado multe kostas; la institucioj donas ĝin senpage al la malaltaj klasoj,sed la pli riĉaj ĝin pagas. Plie, la higiena lakto estas vendata al la publiko, kiu preferas ĝin ol alian.

La tenado de bovinejo, la produktado de lakto, la verŝado en boteletojn estas sub la zorga oficiala inspekto kaj konstanta kontrolo de kuracisto.

Kaj kion faras tiuj institucioj laŭ la *dua* direkto? En ili troviĝas aparta ĉambro nomata « konsilejo por patrinoj ». Je difinitaj horoj alvenas tien patrinoj kaj edukantinoj; la kuracisto instigas ilin nutri mem, kiom eble, siajn infanojn kaj donas detalajn klarigojn pri flegado, banado, vindado k. t. p. de suĉinfanoj.

Al la instituta kuracisto helpas la « institutaj fratinoj » perfekte instruitaj zorgantinoj, entuziasmaj kaj fervoraj por sia tasko. Ekster la instituto, ili devas viziti la domojn de malriĉuloj kaj kontroli, ĉu la patrinoj agas laŭ la ricevitaj konsiloj; se jes, ili ricevas krom senpaga lakto urbajn monpremiojn.

Kiel efika estas la agado de la institutoj « Guto da lakto » kontraŭ la mortado de infanetoj, kiom da servoj ĝi faras speciale al la malriĉaj sociaj klasoj, ne estas necese pruvi per statistikoj. Sinjoro Aleksandro Ostrwski, raportante pri tiu temo en la pola gazeto « Slowo Polskie » konfesas, ke li havas rilate al tio la deklarojn de du unuavicaj eminentuloj, nome de la direktantaj kuracistoj de sep berlinaj institutoj. Kiel dirite, tiujn institutojn monprovizas la « Schmidt-Gallisch Stiftung » kaj administrantoj de aliaj germanaj urboj; ĉiuj direktoroj plene konsentas pri la utileco de tiu fondaĵo.

En okcidento oni kreis krom tiuj institutoj azilojn por infanoj; ĝenerale, ili estas oficialaj, t. e. sub la administrado de urbaj konsilantaroj. Al tiuj rifuĝejoj kondukas la infanetojn trovitajn aŭ forlasitajn jen polica estraro, jen protekta komitato, jen fine privatuloj; la publika administrantaro devas sin okupi pri ili tiel longe, kiam ne troviĝas respondaj edukantoj. Forlasita estas nun la kutimo konfidi la infanojn al privatuloj. En tiuj institutoj, la infanoj vivadas, kiel en la domoj de « Guto da lakto »; multaj estas savataj, se ne de tuja morto, almenaŭ de malsano kaj mizerego. Anglujo, Danujo, Francujo, Germanujo, Norvegujo, Svedujo kaj Svisujo bonege organizis tiujn azilojn kaj al ili ĉiujare difinas grandajn sumojn en la buĝeto. Sed en aliaj landoj restas ankoraŭ multe por fari laŭ tiu direkto. Por protekti la junan vivon, estas nepre necese vastigi tiun ideon, ĝin konigi ĉien. Homara emo al materia kaj precipe morala pliperfektiĝado ne devas forlasi malfortajn, malriĉajn, maljunajn aŭ male tro junajn socianojn. Filantropio havas tie urĝan, vastan kaj altan idealon por efektivigi. J. Makara (Galicio).

## La nova leĝa horo en Francujo

De kelkaj semajnoj, la Francoj havas novan horon kiu ne plu estas tiu de Parizo sed tiu de Greenwich. La franca senato definitive akceptis, kiel la Ĉambro de Deputatoj, la leĝprojekton ŝanĝantan la leĝan horon en Francujo, kaj de la 11a de marto 1911 oni horkalkulas laŭ la nova metodo de la « horaj daŭboj ». Oni scias efektive, ke, post multaj internaciaj kongresoj, internacia konferenco en Washington decidis dividi la teran cirkonferencon (kiu, ĝis nun enhavis 360° de longitudo) en 24 horaj daŭboj, ĉiu entenata inter 2 meridianoj, malproksime je 15° unu de la alia. De nun oni konsentas ke, praktike, sama estas la horo en sama daŭbo kaj pli frue unu horon ol tiu de okcidenta daŭbo, pli malfrue unu horon ol tiu de la orienta. Sekve, la franca horaro havas nun diferencon de unu horo kun tiu de Berlin, de 2 horoj kun tiu de Konstantinoplo, k. t. p... Efektive, Francujon enhavas la daŭbo de « Okcidenta Eŭropo » kiu samtempe entenas Hispanujon, Belgujon, Anglujon, kaj Nederlandon; en ĉiuj tiuj landoj do sama estas la horo, la horo de Greenwich. Por Paris, oni devis malfruigi ĉiujn horloĝojn je 9 minutoj kaj 21 sekundoj por havi la novan leĝan horon. Tiu tutmonda horunuigo havos tre certe multajn profitojn ekzemple, por la pli granda facileco de la kalkuloj sed oni ne devas forgesi la grandajn kaj ankaŭ multekostajn ŝanĝojn kiujn kaŭzas tiu grava, kvankam utilega, reformo, vidpunkto de la nova eldonado de ĉiuj geografiaj, meteorologiaj astronomiaj kartoj kaj dokumentoj, sekve de tiu ŝanĝo de meridiano.

M. Genermont (Del. Paris)

## Angla Vidindaĵo

Je la 24-a de Junio, de la nuna jaro, sur la bluaj akvoj de la Solent kaj Spithead, la mondfamaj rodoj de Portsmouth, okazos la kredeble plej grandioza spektaklo de impona forto, kiun oni ĝis tiam estos vidinta. La kronigaj ceremonioj de tia Reĝo kia Georgo Va — la bordoj de kies regno estas lavitaj de la ondoj de ĉiuj maroj de la terglobo — certe ne estus kompletaj sen la elmontrado de la forto kiu subtenas kaj defendas ties posedojn. Tie renkontos unu la alian ankaŭ militŝipegoj de ĉiuj grandaj nacioj, kiuj alportos simbole la « korajn bondezirojn » de la ŝtatoj kiujn ili reprezentos kaj se la naturo favoros la okazon je bela vetero, sendube centmiloj de homoj nigrigos la marbordojn de Ryde, Southsea kaj Stokes Bay. Eble el tiuj lokoj, Stokes Bay prezentos la plej kontentigan lokon de kiu oni povos ĝui la splektaklon. Kvankam precizaj detaloj ne estas ankoraŭ haveblaj, sendube oni aranĝos la ŝipojn tre simile je la antaŭaj okazoj; vidaĵo de la ĉiuspecaj flosaĵoj, de la malgrandaj « dingy » ĝis la grandega « liner » moviĝante trans la brilaj ondetoj en la bela sunlumo, ja restos en la memoro post multaj jaroj. Kiam la tagmeza horo alvenas, la bruego de salutantaj pafiloj atingas pli ol cent mejlojn (la urbo Peterboro raportis la bruon okaze de la jubilea festo 1897, distance 170 mejlojn) kaj surdigas la orelojn de la ĉeestantoj dum nubegoj de fumo vualas la akvon. Dum la saluto, la Reĝa jaĥto traveturos la vicojn de ŝipoj salutata de la aplaŭdoj de la Britaj ŝipanoj. Tiam alprofundiĝo de la ankro de la jaĥto, kaj baldaŭ flirtanta flagaro ĉe ĝia masto signalas ke la sipestroj vizitu persone la Reĝon. Vespere ĉiuj ŝipoj, naciaj kaj fremdaj, ornamos sin per elektra lumo kaj tiam oni povas apenaŭ moviĝi sur la Esplanadoj de Ryde kaj Southsea. Dum la semajno de la festo okazos grandaj baloj kaj festenoj ĉe la belega urbdomo de Portsmouth. Oni ankaŭ ne forgesis la fremdajn maristojn kaj provizas sportojn, k. t. p. por ili. Jam la urbkonsilantaro voĉdonis 30.000 Sm. por ke urbestro inde plenumu sian gastigan taskon, tiun ĉi sumon la Admiralitato kredeble duobligos. Ĉu la lokaj Esperantistoj povos lui vaporboaton por la gaja tempo, mi ne scias — almenaŭ ili havas sufiĉan kuraĝon klopodi tion fari kaj jam posedas grandegajn verdajn standardojn per kiuj ili esperas ornami la mastojn. Espereble ĉiuj delegitoj kaj membroj de U. E. A. kiuj legos tiun ĉi artikolon kaj havas amikojn aŭ parencojn en la vizitontaj ŝipoj instigos ilin viziti la lokan oficejon.

A. H. Mare (Dist. Del. Suda Anglujo).

Vidu *Esperanto*, No 100, 5 majo.

MONDLITERATURO

# Tra la hispana teatro

*La Celo justigas la rimedojn.*

Tio ĉi estas la unua verko de sesdekjara aŭtoro, S-ro D-ro Madrado, ĝis nun konata nur kiel eminenta kuracisto, direktoro de fama sanulejo en Santander. La tuta kritikistaro sin ĵetis avide al la infano de la ĥirurgiisto, kiel li mem povus fari al interesa anatomia subjekto ; sekve la tasko de raportisto estas malfacila. La dramo havas saman temon kiel la brufarinta « Electra » de la Majstro Galdos, ĉar la unua donita kondiĉo estas la kaptado je fraŭlino por la religiula vivado. Sed la ceteraj kondiĉoj estas tute malsimilaj, kaj ĉe D-ro Madrado, laŭ la aprobantoj, pli naturaj la simplaj rimedoj, kiujn li uzas, sen pretendaj nek afektaj vortoj, sen artefaritaĵoj, rememorigas la primitivajn majstrojn de la arto.

Aliaj diras ke tio estas nesciado mallerteco de persono, kiun malsaĝa gloramo forpuŝis el honora posteno al vojo plena de danĝeraj profundegaĵoj. — Aliaj kondamnas la doktrinon de la verko, kvankam ĝentile, sed ne mankas kelkaj, kiuj ĝin preskaŭ ekskomunikas.

Jen parto el favora raporto, kiu donas pli da detaloj : « Determini la dian alvokon al monaĥinejo per ama elreviĝo lerte efektita estas tiel nature kaj simple, ke rezultas impresiga drama efiko. Tiu juneco kiu pasas unue en edziniĝa vesto, kovrita de juveloj kaj floroj, kiel fianĉino kiu kuras sin oferi por esti fonto de vivo, kaj post malmulte repasas inter funebraj kantoj por ĉiama entombiĝo, kondamnita al ĉiama senfrukteco, estas tiel intense tragedia, ke ĝi ne bezonas elokventajn vortojn por atingi nian koron. Fine, verko meritplena, kvankam ne majstroverko.

Karikaturo montras du vidintojn : « La intenco ne povas esti pli simpatia... Nun, la dramo estas, dank'al Dio, sufiĉe malboneta ». — « Bone, sed *la celo justigas la rimedojn* ». — Ne estas dubo ke la *nova* aŭtoro estas promesplena. La raportisto « lavas siajn manojn ».

*La floro de la vivo.*

Jen notinda ekzemplo de verkista kunlaborado. Ambaŭ fratoj S-roj Quintero, seviljanaj aŭtoroj, estas literatura firmo, kiu triumfis ĉe longa listo de komedietoj. Jen la juĝo de kritikisto iom severa, sed sincera, S-ro José Alvina. La komedieto enhavas nur du personojn, kaj konsistas el monologoj kaj dialogoj, dividitaj en tri aktoj, kiuj prezentas la geamantojn junaj, maturaĝaj, kaj maljunaj. Sed ili estas geamantoj el tute speciala speco : Aurea kaj Cellini, ĉe la unua akto (printempo) ŝajnas sin ami reciproke ; ĉe la dua (somero) ŝi adoras sian edzon, kiu ne estas Cellini, sed kiu estas duelonta kun li ; ĉu la rendevuo estas atako kontraŭ la geedza fideleco ? La ebleco de adulto havas nur rolon de teatra incitilo. Ĉe la tria akto (vintro), nova renkonto de ambaŭ eksjunuloj. Tie oni komprenas la titolon ; « floro de la vivo » estas tiu poezio kiu lumigas la vivon de ĉiu ; ĉar Aurea kaj Cellini reprezentas unu por la alia la rapide forkurantan iluzion de sia juneco.

La teĥnika intenco estas laŭdinda, sed la psikologio de la herooj estas malklara. La talento de la aŭtoroj, kiuj perfekte konas la publikon kaj la rimedojn de la teatrarto, savas la la verkon, kun helpo de la estimo kiun la verkaro de la *firmo* certigas al ĝi.

*Kanteto de lulilo.*

Escence kortuŝema, *sentimentala* komedio, kiu plene atingis sian celon. Ĉe la unua akto, estas Majo, en monaĥinejo Aperas sur la pordo lulilo kun novnaskita infanino. La monaĥinoj adoptas ŝin. Dua akto : La filino de la monaĥinoj estas 18 jara, dum kiuj ŝi estis la ĝojo kaj konsolo de siaj vualhavaj patrinoj : tiun tagon ŝi edziniĝas.

La lerta tiaj sincera kritikisto S-ro Jose Alsina, demandas kiel triumfis sur la scenejo tiu granda sentimentala poeto? Per sobra teĥnikismo, perfekte streĉita al la temo, sen ombro de vulgara sentemaĉo, kaj montrante sentojn profunde homajn en la plej natura kaj poezia maniero.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Virino ja ĉiu, ĉar Dio ĝin volis,
Enportas en koro fileton dormantan.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Emocii la publikon per tiel simplaj rimedoj, estis do tie ĉi rezultato de diskreta dramarto al servo de vera poeto. La sukceso estis plena kaj unuvoĉa.

P. Linares (Del. Cordoba.)

NOTOJ

*Marto-julio.* — Ekspozicio de l'itala portretaro en Firenze.
*Marto-oktobro.* — Universalaj ekspozicioj en Torino kaj Romo.
*13 majo-15 julio.* — Internacia ekspozicio de la malgranda ilaro en Antverpeno.
*Majo-junio.* — Internacia ekspozicio de novaĵoj kaj eltrovaĵoj pri la fera industrio kaj meĥanikaj konstruaĵoj en Budapest.
*Majo-junio.* — Higiena Ekspozicio en Dresden.
*Junio.* — Festoj por la reĝkronado en Londono.
*Junio-oktobro.* — Internaciaj flug-konkursoj en Torino.
*1-20 junio.* — Internacia pafkonkurso en Grenoble.
*12-18 junio.* — Sesa feminista kongreso en Stockholm.
*12-20 junio.* — Provizora ekspozicio de bestkulturo en Torino.
*17-23 junio.* — Aviada konkurso en Kiel (Germ.).
*18-30 junio.* — Internacia aviada konkurso Parizo-Liège-Utrecht-Bruselo-Londono-Parizo.
*19-30 junio.* — Vetkurado de ŝipoj en Kiel (Germ.).
*20 junio.* — Internaciaj ŝipkuradoj en Torino.
*25-30 junio.* — Eŭkaristia kongreso en Madrido.
*28-29 junio.* — Aviada kunveno en Dijon.
*30 junio* — Internaciaj ŝipkuradoj en Torino.
*30 junio-1 julio.* — Internacia kongreso de presartoj, en Torino.
*1 julio.* — Internacia aviada konkurso en Anglujo.
*7-10 julio.* — Internacia kongreso por korpa edukado en Odense (Danujo).
*9 julio.* — Internacia aŭtomobila kurado Susa-Moncenisio (Italujo).
*22-30 julio.* — Konkurso de fajrbrigadoj, (118 rotoj, 3.000 partoprenantoj) en Cherbourg (Franc.).
*23 julio-5 aŭgusto.* — Rondflugado tra Anglujo.
*26-29 julio.* — Mondkongreso de rasoj en Londono.
*31 julio-6 aŭgusto.* — Kongreso de la Franca Societo por la progresigo de la Sciencoj en Dijon.
*3-5 aŭgusto.* — Internacia kongreso de la turismaj Asocioj en Ĝenevo.
*3-6 aŭgusto.* — Kvina internacia kongreso de Stenografistoj Gabelsberger en Kopenhag.
*10-12 aŭgusto.* — Laborista konferenco en Budapest.
*13-15 aŭgusto.* — Internacia konkurso de muziko en Torino.
*16-21 aŭgusto.* — Internaciaj konkurso kaj kongreso de fajrbrigadoj en Torino.
*22-27 aŭgusto.* — Internacia konkurso pri arbarkulturado en Torino.
*28-30 aŭgusto.* — Nacia kongreso de telegrafado en Torino.
*Septembro.* — Bicikleta kurado Torino-Romo.
*10-24 septembro.* — Pafkonkurso en Torino.
*16-24 septembro.* — Ekspozicio de ĝarden- kaj florkulturo en Torino.
*21-23 septembro.* — Internacia kongreso de silkokulturado en Torino.
*17-24 oktobro.* — Deknaŭa kongreso de la paco en Romo.

Por pluaj informoj, la Esperantianoj sin turnu al la Delegitoj de U. E. A. Ĉiuj Delegitoj bonvolu informi nin pri la kongresoj, festoj, manifestadoj de internacia intereso, okazontaj en ilia regiono.

## LITERATURA PAĜO

# TRA
LA
# ESPERANTA LITERATURO

A Rivier. **En Rusujo per Esperanto.** — Librejo « Esperanto », 26, Tverskaja, Moskvo, Rusujo. Prezo : Sm. 0,63.

Antaŭ ses jaroj, dum la somero de 1905, S-ro Rivier, Alĝerano, entreprenis per Esperanto tre interesan vojaĝon en Rusujon, kien insiste alvokis lin rusa esperantista amiko, S-ro Speranskij, loĝanta en Sumi.

Tiun vojaĝon tre agrable rakontas S-ro Rivier en ĉarma libreto, kiun publikiĝis la librejo « Esperanto ».

Ne sen antaŭtimo nek sen malfacilajoj nia samideano sukcesis tiun longan veturon. Tiam « la milito rusa-japana estis en sia plej akra periodo, ribeletoj jam ekaperis en diversaj partoj de la imperio, antaŭsigno de ĝenerala eksplodo. » Plie S-ro Rivier ne sciis la rusan lingvon kaj lia amiko ne parolis france ; la sola rilatilo estis Esperanto, kaj en tiu jaro ne ankoraŭ okazis internacia kongreso plej evidente montrinta la perfektan taŭgecon de Esperanto, ne nur por leteraj, sed ankaŭ por buŝaj rilatoj. Kiam S-ro Rivier post ŝipveturado de Marseille albordiĝis Konstantinoplon, disvastiĝis la famo, ke subita revolucio jus eksplodis en Rusujo, kaj ĉiuj perŝipaj rilatoj kun Rusujo estis interrompataj. Li devis ŝanĝi la planon de sia vojaĝo kaj anstataŭ veturi en Odessa'on, kie la kirasŝipo Knjaz Potemkin estis ribelinta kaj pafadinta kontraŭ la urbego, li decidis iri ŝipe al Konstantza, rumana haveno, kaj poste, per fervojo, tra Bukureŝti kaj Ĉernoviĉ ĝis la aŭstra-rusa limo.

Tre interesajn detalojn donas S-ro Rivier pri Bukureŝti, pri la « blankaj Kolomboj » aŭ « Skopci », t. e. pri specialmoraj senbarbaj veturigistoj de tiu kurioza urbo, kaj pri la gravaj malhelpoj, kiujn renkontas la vojaĝanto ne konanta la lingvojn de la traveturataj regionoj.

Fine li atingas la Rusan landon :

« Ĉio tio estis kvietega, paciga, tre malsimila je miaj antaŭaj supozoj. Apenaŭ mi povis kredi, ke mi estas en tiu lando, pri kies terura milito kontraŭ Japanujo kaj internaj ribeladoj la okcidentaj gazetoj plenigis siajn paĝojn. Je la unua fojo mi komprenis vere, kiom Rusujo estas vastega kaj ke malkvietiĝoj aŭ milito en kelkaj el ĝiaj partoj ne havas grandan rebaton sur la ĉiutagan vivadon de l'cetero de tiu kolosa ŝtato. Ĝia vastegeco estas samtempe ĝia plej bona defendo kontraŭ katakli̇smoj kaj barilo kontraŭ reformoj, la kaŭzo de ĝia kuna forteco kaj malforteco. »

Per tiu citajo la leganto jam komprenis, ke S-ro Rivier ne nur vojaĝis en Rusujo, sed ankaŭ tre bone observadis la morojn, kutimojn kaj intiman vivadon de la tieaj gentoj.

En Vorojba li renkontas sian amikon alveturintan : la premŝonĝo, la izoleco finiĝas ; la du amikoj sin reciproke ĉirkaŭprenas, interkisas kaj baldaŭ flue babiladas en nia kara lingvo, kiu pli kaj pli rapide flugas el iliaj lipoj !

Kompreneble, mi ne volas detale rakonti, eĉ resume, la belan vojaĝon de nia samideano, sed nur instigi al la legado de l'tuta libreto. En la libreto vi legos plej interesajn detalojn pri Sumi, la tiea esperantistareto, la loĝantaro, la rusaj manĝoj kaj trinkajoj, la feminismo en Rusujo, la klimato, la oficiala hierarĥio, la edukado, la riverbancjoj kun la kutimoj kaj ideoj de Rusoj pri nudeco kaj hontemo, k. t. p., k. t. p.

Por doni plej ĝustan ideon pri la bona stilo de la originala verkinto, mi citos ankoraŭ du lokojn de la verko. En la unua, S-ro R. plej poezie priskribas ukrajnan nokton :

« Kiel virino, kiu, dum ŝi dormadas, ŝajnas ellasi sian intimecon, tiel same la Naturo, dum la nokta ripozado, sin liveras pli plene. La rusa steparo tiam estas strange impresiga. Nenio, krom oceano, donas tiel fortan impreson de la Senfineco, kiel senlima ebenajo sub ĉielo plena da steloj. Inter ili iranta la homo vagas kiel punkto inter du senfinajoj. Tiun vesperon, la luno duonheliĝis per ŝtablua lumeto la stepon, kie nigraj poploj, tie ĉi kaj tie starantaj faris nigrajn strekojn kontraŭ la diamanta ĉielo. Arĝenta rebrilajo sur la trankvila akvo de la Psjol apenaŭ sulkiĝis post nia ŝipeto laŭflue flosanta. Nenia sono, krom, intertempe, bleko de nokta birdo kaj la ritma plaŭdeto de niaj remiloj. »

Reveturante Francujon post sessemajna restado en Sumi, S-ro Rivier konatiĝis en vagonaro kun Berna advokato, kiu parolis france tiel perfekte kiel germane. « Li ankaŭ jus ekskursis en Rusujon por sia plezuro » kaj, kompreneble, la du kunveturantoj komunikis unu al la alia siajn impresojn. Li estis vizitinta Peterburgon, Niĵni Novgordon, Moskvon kaj Kievon. Tamen, kiam S-ro R. rakontis al li sian modestan restadon en la urbeto Sumi, li konfesis ke lia kun parolanto faris vojaĝon pli interesan ol li.

— Ĉar, li diris, mi vidis urbojn, kuriozajn certe, sed ĉie domoj, stratoj kaj placoj estis proksimume similaj. La nekonataj homoj, kiujn mi renkontis, estis por mi kvazaŭ fermita libro.... Vi, kontraŭe, dank'al via esperantista frateco, tuj amikiĝis kun viaj gastigantoj kaj povis profiti neordinare favoran situacion, kvazaŭ vi estus momente « rusiĝinta. »

Ĉu mi bezonas aldoni alian konkludon ?

*
* *

Pri la stilo, kiu estas ĝenerale bonega, mi faros nur du riproĉetojn. 1e la preseraroj estas multaj kaj nur malgrandan parton da ili la aŭtoro korektis en la preserara paĝo. 2e la aŭtoro tro uzas, senutile kaj pleonasme, la sufikson *-ulo* (amantulo, rajtigitulo, ŝlositulo, arestitulo, k. t. p.). Mi ankaŭ ekscis, legante la paĝon 77-an ke la rusaj arestitoj havas nur (ho ! la kompatindaj !) unu *koverton* por dormi sur la planko !

*
* *

Aliaj verkoj ricevitaj.

**Rakonto kaj aventuro.** American esperantist co. Washington. D. C. Usono. — Prezo : (ne montrita).

Tiu libreto konsistas el du rakontoj : « Sur la batalklampo » (de Hershel Ŝ. Haal) kaj la « Aviadisto de Marso » (de Henry H. Barroll). La unuan mi legis kun vera plezuro ; mi malpli ŝatas la duan.

**Senditaj al la Turo**, farso unuakta, de John Maddison Morton, esperantigis F. W. Hipsley. Prezo : ne montrita.

Tre bonstile tradukita kaj amuza komedieto.

**Patrino anserino**, de Winifred Sackville Stoner (sesjara esperantistineto, 1910) — en la Esperanto-Oficejo, Washington, D. C. Usono.

Ĝi estas kolekto da infanaj kantetoj kaj rakontetoj en tre belete presita kaj eldonita libreto (kun portreto de la aŭtorineto).

**Trezoro de la Rajaho**, poemoj. Eldonajo de « hungara studento ». Prezo : 15 Sd.

VERTO.

# ESPERANTISMO

## KRONIKO

*(El niaj specialaj distriktaj korespondantoj)*

Grava Avizo. — *Ni rememorigas al niaj korespondantoj ke ĉiujn informojn por la rubriko Esperantismo, ili bonvolu sendi antaŭ la* **10**a *kaj* **25**a *de ĉiu monato al ESPERANTO, Rue de la Bourse, 10, GENÈVE. por la sekvonta numero. Ili memoru ĉiam zorge montri la daton de ĉiu fakto kaj la devenon de ĉiu informo. Neniam ni raportos pri malnova okazintaĵo.*

### ONI KONGRESAS !

**Pariza Federacio.** — Ĝia kongreso okazis la 20 majo, en Saint-Denis apud Parizo : Kunveno de la delegitoj, festeno, balo ; posttagmeze, *distrikta kunveno de U. E. A.* : 70 ĉeestantoj inter kiuj 15 delegitoj. Raporto aprobita de la D. D. S-ro Chavet. Raportoj pri la distriktaj afiŝoj, pri la kongreso de U. E. A., pri la aviada medalo (Kolekto farita inter la ĉeestantoj : 7 Sm. 30). — M. G.

**Burgonja Federacio.** — En Chalon-sur-Saône okazis 20-21 majo ĝia kongreso kaj distrikta kunveno de U. E. A. La parolado de S-ro Parrish pri Kalifornio, sabaton vespere 20, en la teatro, kun plej belaj koloritaj lumbildoj multe entuziasmigis la ĉeestantojn.

La seriozeco de la kunvenoj, federaciaj kaj distriktaj, la gajeco de la festeno, kaj de la vespera festo la varma akcepto de la urbaj aŭtoritatoj kiuj bone ornamis la urbon per esperantaj flagoj kaj rezervis specialan lokon por esperantistoj en la aviada festo, ĝojege montris la vivecon kaj sukceson de nia movado en Burgonjo.

Multe rimarkita estis la esperantista ekspozicio, belete aranĝita sub la aŭspicioj de U. E. A. — T. R.

**Novaj grupoj kaj societoj.** — Laboristaj grupoj formiĝas en *Vieno* kaj *Reichenberg* (Aŭstrio). — M. E.

En *Kiŝinev* (Rus.) ĉe la vira gimnazio ; oni petas sendi ĉiuspecajn propagandilojn, specimenojn, k. t. p. — V. V.

Sinjoro J. Pazelt fondis la sekvantajn grupojn : *Kamnitz* (Prez. : S-ro H. Horn) ; *Engelsberg* (Prez. : S-ro W. Herkner); *Waltersdorf* (Prez. A. Schiffner, 72 membroj) ; *Dürrhennersdorf* (Prez. G. Jæhne). La du unuaj urboj estas en Bohemujo, la du aliaj en Saksujo. — J. P.

En *Corniĝliano* (Ligurio, Ital.) post kurso fondiĝis grupo ; prez : Mascherini ; Sekr. : Zaro. — A. S.

**Novaj kursoj.** — En *Sampierdarena* ĉe publika lernejo ; gvidanto : la ĝenova konsulo por studentoj, S-ro Schmucker. — A. S

En *Genova* (Ital.), ĉe la reĝa Universitato ; ankaŭ S-ro Schmucker, konsulo. — A. S.

En *Essen* (Germ.) post parolado de nia tiea Del. S-ro Pillath. — F. P.

Por laboristoj : en *Mugeln, Pirna, Stuttgart, Zehista* (Germ.) *Bukuresto* kaj *Lausanne*. — M. E.

**Kunvenoj kaj festoj.** — La 14 majo en *Detroit* (Usono) la Germana Usona Esperanta Unuiĝo festis la finiĝon de sia kurso per festeno ĉe la hotelo Randolf.

La 21 majo en *Viŝnij-Voloĉok* (Rus.) la grupo havis sian plenankunvenon ; nia Del. S-ro E. Frejburg estas elektita prezidanto. La financa stato estas kontentiga. — E. F.

La 15 majo en *Parizo*, la Sekcio de l'11-a kvartalaro de « Liberiga stelo », aŭdinte la proponojn de anglaj kamaradoj pri la Sepa, deziresprimas.

Ke estu starigata Internacia Federacio de la Antaŭenemaj Esperantistoj ; ke tiu Federacio estu Asocio de naciaj Organizaĵoj de Esperantistaj Socialistoj kaj Anarkistoj ; ke ĉiuj tiaj Oorganizaĵoj en unu sama nacio kuniĝu en unu unuran Societon por kune aliĝi al la proponita Federacio ; ke tiu Federacio ĉefe agu por la *cerba interrilatigo* de ĉiuj homoj malsamnaciaj, *kiu* plisimiligos la diversnaciajn opiniojn — ĉar ĝi forigos unu *malutilan* por preskaŭ ĉiuj *kaŭzon* de opinimalsameco, lasante nur la kaŭzojn ĉu utilajn por kelkaj, ĉu neforigeblajn.

Ili opinias ke, por atingi sukceson pri tio, plej bona rimedo estas.

Ke la Federacio interkonsentus kun *Internacia Socia Revuo* por pliampleksigi ĝin kaj plioftigi ĝian eliron ; ke la Federacio trudus al ĝi enpreson de artikoloj, ne nur informaj, sed ankaŭ teoriaj, verkitaj de ĉiaj federacianoj ; ke kompense, ĝi devigus la Naciajn Organizaĵojn Federacianajn abomi almenaŭ difinotan nombron da kolektoj — ĉar, tiaokaze, por reenspezi la abonprezojn, tiuj naciaj organizaĵoj fariĝus diskonigistoj kaj disvendistoj de tiu Revuo. — E.

La 14 majo, en *Vitry-sur-Seine*, granda festo de esperantista propagando : Kantoj, deklamoj, komedio : « La fluido John. » S-ro M. Michon, subd. de l'U. E. A. parolis pri Esperanto, ĝia utileco kaj ĉefe pri U. E. A. 60 ĉeestantoj. — M. G.

La 7 majo en *Laval* (Franc.) bela festo. S-ro C. Bourlet paroladis pri la utileco kaj facileco de Esperanto, kaj pri la servoj de U. E. A., uzeblaj eĉ de ne esperantistoj. — G. L.

La 14 majo ekskursis al Heilenbecker Talsperre la grupo de *Elberfeld* (Germ.) kun samideanoj el Hagen kaj Düsseldorf, sume *80*. Okazis salutparolado kaj aliaj, kantoj esperante kaj germane. Tre agrabla vojaĝeto por ĉiuj partoprenintoj. — E. Th.

La grupo en *Kolozvar* (Hungar), fondita en marto, havas jam 100 anojn. Prez. : S-ro J. Gaman ; vic-prez. D-ro V. Austerlitz ; sekr. : S-ro O. Amon. Ĝi organizis kurson ĉe la komercaj komizoj kaj alian por gesinjoroj ; gvidanto estas S-ro I. Marinka. — A. kaj A.

La 1 majo, la popola Universitato de *Ĝenova* organizis ekskurson al Nice, gvidate de S-ro Stromboli ; partoprenis 20 samideanoj. La karavano renkontis esperantistojn en Bordighera, Monte-Carlo kaj Nice. Tre utilaj estis la servoj de U. E. A. — A. S.

La 7 majo, ekskurso de la *Ĝenova* grupo, kun Prof. Andonoviĉ (el Belgrado), kiu faris esp. paroladon al la lernantoj de la kurso. — A. S.

**Paroladoj.** — En *Ĝenova*, S-ro A. Stromboli la 5 majo, antaŭ 150 personoj. — A. S.

En *St-Cyr* (Franc. la 5 majo S-ro E. Archdeacon al la oficistoj de la tiea lernejo. — M. G.

En *Parizo* ĉe la « Institut Rudy » la 4 majo, S-ro Fuster pri : La internacilingva demando kaj la verko de S-ro G. Gautherot. Multaj neesperantistaj ĉeestantoj. — M. G.

En *Capo d'Istria* (Ital.) D-ro A. Ghez V.-del Trieste la 6 majo. — A. C.

En *Schweidnitz* 15 majo, S-ro Schulz, pri U. E. A., ĉe la tiea grupo esp. — R.

**Paroladvojaĝo Parrish.** — La 12-an de Majo, post la monata vespermanĝo de la pariza grupo, S-ro Parrish faris sukcese sian paroladon antaŭ grava aŭdantaro da pli ol 200 personoj, inter kiuj multaj konataj eminentuloj : S'inoj Séverine, la fama verkistino, du Gast, S-roj Kapferer, Benoit, Loreau, Alfred Athis, kaj ankaŭ reprezentantoj de la plej gravaj Francaj Gazetoj. Estis, tre certe, granda sukceso kaj plej bona pruvo, donita al tiuj neesperantistoj, de la utileco kaj praktikeco de Esperanto. — M. G.

Jen la vojplano de nia Usona Samideano : Lyon, Grenoble, Torino, Ĝenova, Firenze, Roma, Napoli, Palermo, Messino, Malte, Tuniso, Alĝero, Orano, Gibraltaro, Tanĝero. Poste : Portugalujo, Hispanujo, Francujo. Ni petas la reprezentan-

tojn de U. E. A. en tiuj urboj sendi al ni mallongan raporton pri tiuj paroladoj, bona propaganda metodo.

**Esperantiaj regionaj kunvenoj.** — En *Augsburg* (Bavarujo) la 4 majo. 25 ĉeestantoj. D-ro Ledermann dankis la Del. pro lia agado. Raporto aprobita. Elektatoj : S-ro Schmalzl, Delegito; S-ro F. Grüendler, vic-delegito. — S. kaj G.

En Krefeld (Germ.) la 4 majo 22 esperantianoj kaj 40 gastoj. Raporto aprobita. Paroladoj de Del. S-ro Bœrgermann kaj de S-ro Tarnov (el Barmen). Sekvis festeto kun kantoj kaj deklamoj ĝis la dua matene. — B.

## ANTVERPENAJ KONGRESOJ

**La Sepa.** — La nombro de la aliĝoj atingis 681 je la 4 majo. La loka komitato sin okupas pri la kunmetado de honora komitato ; jam pluraj urbaj eminentuloj akceptis. Dum la kongreso, la kongresanoj havos senpagan eniron en la muzeojn kaj salonojn de la urbestrarejo.

La kongresanoj estas tre petataj senprokraste rezervigi siajn ĉambrojn (pri la prezo oni legu la aliĝilojn).

**Dua Kongreso de U. E. A.** — Oni rapidu sendi sian aliĝilon ! Ni volonte sendos al ĉiu petanto). La definitiva programo aperos en aŭgusto. Ni rememorigas, ke ĉiuj proponoj aŭ raportoj devas esti alsendataj antaŭ la 25 junio.

Dum unu kongresa vespero, S-ro Parrish, kiu faras nun sub la aŭspicioj de U. E. A., la unuan peresperantan paroladvojaĝon, faros Esp. paroladon pri Kalifornio, kun belegaj multnombraj lumbildoj.

Kun ĉiu kongreskarto ni sendas senpage Esp. planon de Antverpeno.

S-ro D-ro Van der Biest bonvolis akcepti sin okup. speciale pri la aranĝo de nia kongreso kaj la postkongresa vojaĝo.

**Kongresvojaĝoj.** — Sub la aŭspicioj de U. E. A. organiziĝos diversaj karavanoj Antverpenon. Niaj legantoj trovos ĉi tie la necesajn detalojn pri ili.

.˙. Unu el tiuj karavanoj, kondukata de S-ro Blaise, forlasos *Londonon* la 18 Aŭgasto (el Liverpool Str.) je 8 h. 40 por alveni en Harwich je 10 h. 15 kaj atingi Antverpenon sabaton je 8 h. 30 matene. La biletoj (ir-reiro) kostas 16 Sm. (2ª klaso en la vagonaro, 1ª sur ŝipo), aŭ 10.50 Sm. (2ª klaso en la vagonaro kaj sur la ŝipo). Por la reveno al Londono ili estos uzeblaj dum 30 tagoj, komencante de la tago de foriro el Londono. Oni povos reveni el Antverpeno ĉiu vespere, forlasante la urbon je 7 h. 30, escepte dimanĉon. Samideanoj el la provincoj (al kiuj tio estos pli taŭga) povos iri per ordinaraj biletoj al *March*, kaj de tie uzi la ekskursajn biletojn anstataŭ veni tra Londono ; ili devos vojaĝi vagonare de March al Harwich en la tria klaso (anstataŭ la dua), sed duaklase aŭ salone sur la ŝipo. Tial ke la fervoja kompanio, « Croat Eastern Railway » konsentas nur certan nombron de litoj sur la ŝipo, estos necese ke la samideanoj sendu al la organizanto ĉekon kiel eble plej baldaŭ, por ke li povu rezervigi la lokojn tuj, ĉu en salonoj, ĉu en la ordinara dua klaso. La sola diferenco inter tiuj du vojaĝmanieroj estas ke en la unua okazo, vojaĝantoj dormos en kajutoj po du aŭ kvar personoj (geedzoj hayos privatajn) ; en la dua okazo, ĉiuj estos en komunaj dormejoj, tamen estas speciala rezervita por virinoj.

Mendante sian bileton, kunsendante la monon, la kongresontoj konigu ĉu ili intencas foriri la 18-an aŭ nur la 19-an. Se tiu lasta kategorio enhavos 20 aŭ pli da samideanoj similaj aranĝoj estos farataj por ili ; ili havos ankaŭ siajn sidlokojn rezervitajn kaj oni klopodos havigi al ili fidindan kondukanton.

Por pluaj informoj, ĉiuj bonvole sin turnu al la organizanto, ĉe « La Espero », 3, Lynette Avenue, Clapham Common, London, S. W. P. Blaise, D. D. de U. E. A.

N. B. — Ĉiuj aliĝantoj al tiuj karavanoj devos esti aŭ fariĝi membroj de U. E. A., kies kotizaĵon (50 Sd.) ili bonvole aldonu al sia ĉeko.

## OKAZONTAĴOJ

**Programoj kaj informoj.**

.˙. La Sesa Kongreso de la Skotlanda Societo okazos en Dundee 16-19 junio. Programo :

*Vendredon 16.* — Akceptado en la Kolegio ; kunveno de la Federacia komitato ; koncerto ; parolado de kolonelo Pollen kaj aliaj.

*Sabaton 17.* — Vizito tra la urbo, sekciaj kunvenoj ; kongresa kunveno en la « University College » ; temanĝo en la kolegiaj ĝardenoj, kantoj. Akcepto en la « Albert Galleries ».

*Dimanĉon 18.* — Esperanta Diservo, religia koncerto.

*Lundon. 19.* — Ferma kunveno, ekskursoj laŭ deziro aranĝotaj.

Temoj pritraktataj : Esperanto kaj komerco, — kaj blinduloj ; — kaj Ruĝa Kruco ; — kaj monunuo ; — kaj la Biblio. Prezo de la kongreskarto : 1 Sm. Por informoj : Sekretario de la Grupo, S-ro A. A. Slidders, 10, Whitehall st., Dundee, Skotlando.

.˙. La Franca Norda Federacio havos sian kongreson en Roubaix. Programo : Akcepto al la kongresanoj ; kunveno en la urbdomo ; festeno ; vizito al la esperanta fako de la Internacia ekspozicio en Roubaix ; koncerto ; balo. Por informoj : S-ro E. Deligny, boulevard Vauban, Saint-Omer, Francujo.

.˙. En Beauvais (Oise, Francujo), okazos la 25 junio la ĉiujara festo je la honoro de la heroino Jeanne Hachette. Vizitontaj esperantistoj estos kore akceptataj de la tiea grupo, kiu donacos al ili belan esperantan memoraĵon, kaj klopodos ĉe la Norda Fervoja kompanio por rabato. Por detalaj informoj : S-ro Grives, rue de Nully d'Hecourt, Beauvais.

.˙. La *Ardenaj Grupoj* organizos festojn en *Charleville* (Franc.) la 30 julio. Karto (de nun mendebla) ; 0,400 Sm. Por informoj : Delegito G. Ramboux, 40 R. Baron Quinart, Charleville. Kunveno de U. E. A. por la Orienta distrikto.

**Esperantista Kalendaro.**

*16-19 junio.* — Sesa Skotlanda Esperanto-Kongreso en Dundee.

*18 junio.* — Kongreso de la Norda Federacio en Roubaix (Franc.).

*24-25 junio.* — Dua Kataluna Esp.-Kongreso en Tarragona.

*25 junio.* — Festoj « Jeanne Hachette » kun esperanta parto, en Beauvais (Franc.).

*2 julio.* — Kongreso de la Esp. Normanda Federacio en Rouen.

*9 julio.* — Festkunveno de la Nederlandaj Esperantistoj en Harlemo.

*19-20 julio.* — Kunsido de la Esperanto-Asocio de Pacifika Nordokcidento kaj distrikta kunveno de U. E. A. en Portland (Oregon, Usono).

*23 julio.* — Festekskurso de la Pariza Grupo.

*30 julio.* — Festo de la Ardenaj grupoj en Charleville (Franc.) ; distrikta kunveno de U. E. A.

*14-19 aŭgusto.* — Dua internacia kongreso de la katolikaj Esperantistoj en Hago (Holando).

*16-18 aŭgusto.* — Esperanto-tago en Dresdeno ; distrikta kunveno de U. E. A.

*18 aŭgusto.* — Kunveno de la Esp. Stenografistoj Gabelsberger en Dresdeno.

*20-27 aŭgusto.* — Sepa Universala Esperanto-Kongreso en Antverpeno.

*26-30 aŭgusto.* — Dua kongreso de U. E. A. en Antverpeno.

## DIVERSAĴOJ

.˙. S-ro E. Archdeacon publikigis broŝureton enhavantan la tekston de la leteroj al li senditaj de multaj eminentuloj, okaze de la eldono de sia libro « kial mi fariĝis Esperantisto ». — M. G.

.˙. S-ro D-ro C. E. Restrepo, prezidanto de la respubliko de Colombio, bonvole akceptis la titolon de « Alta Protektanto » de la « Esperantista Unuiĝo ». — L. M.

.˙. La franca Fervoja Kompanio de Orléans preparas grandluksan broŝuron en Esperanto de sia fervojaro. Ĝi aperos en junio.

.˙. Ĉe la parizaj magazenoj « Au Louvre » estas nun 2

oficialaj esperantistaj interpretistoj, S-roj Bourdeins kaj Branly kiuj akceptas kaj kondukas ĉiujn esperantistajn aĉetantojn. — M. G.

.˙. La Fervoja kompanio *The North Eastern Railway*, presigas avizojn al la publiko en Esperanto. — M. E.

.˙. La franca grupo de Avignon, ricevis de la urba konsilantaro subvencion da 50 frankoj. L. M.

.˙. La Komerca Ĉambro de Genova donis al la Itala Esperantista Federacio monhelpon de 200 francoj por la dua kongreso. — A. S.

## TRA LA GAZETARO

.˙. *British Esperantist.* El tre interesa de W. Mann : *Ni vivu Esperanton !*

Por ke Esperanta grupo fortike kresku, por ke ĝi konservu kaj pligrandigu la entuziasmon de siaj unuaj tagoj, ĝi devas ĉerpi siajn fortojn el la internacia vivo mem. Alivorte, ĝian ĉiun faron kaj laboron kaj manifestacion devas inspiri intensa konscio kaj sento de la fakto, ke Esperanto — laŭ la trafa frazo de Privat — estas « vivanta lingvo de vivanta popolo ». Tradukita en la lingvon de l'ĉiutagaj aferoj tio signifas, ke Esperantista grupo ne povas vere vivi kaj kreski, se ĝiaj membroj ne partoprenas aktive, ĉu laŭ sia propra kakablo aŭ prefero, en la komuna Esperantista vivo internacia. Kiel ĉiu nacia popolo havas sian nacian vivon, sian historion, siajn tradiciojn, siajn naciajn idealojn kaj taskojn, siajn problemojn, siajn malfacilaĵojn, siajn malagrablaĵojn kaj feliĉojn, tiel same estas, sed pli noble kaj vaste ĉe la popolo Esperantista. Ankaŭ ĝi sian historion havas, siajn tradiciojn, siajn instituciojn, siajn taskojn, siajn problemojn, siajn ĝojojn kaj malĝojojn, siaj revojn, sian novan senton, sian belan esperon pri fratiĝonta homaro... Jen la riĉa heredaĵo, al kiu estas vokata ĉiu samideano.

...Nu, la Esperantistaro ankaŭ havas sian historion, neniel malpli interesan, ol tiu de kiu ajn nacio. Ĉar la Esperantistaro, kvankam ne sub tiu sama nomo, ekzistas jam de multaj centjaroj ; ĝi ekzistis kaj ekzistas ĉie, kie noblaj kaj sagacaj koroj laboris al interfratigo de la popoloj ; ĝi ekzistas ĉie, kie larĝanimaj kaj toleremaj homoj batalas kontraŭ la intergenta malamo kaj la maljustaĵoj kaj kalumnioj de l'ŝovinismo. Krom la preskaŭ neelĉerpebla ĝenerala historio de tiu superpopolo internacia, kiu, pligrandiĝinta tra la centjaroj, nun fine per Esperanto ricevis komunan lingvon kaj interkomunikilon, estas ankaŭ studinda la historio de Esperanto aparte, kaj ĉiu Esperantisto devus almenaŭ esplori kaj pripensi la detalojn, kiujn ni havas en niaj libroj pri la deveno kaj fruaj datoj de la lingvo, la ĉefajn faktojn de niajn kongresoj, ktp...

.˙. *Pola Esperantisto.* Sub titolo *Protestindaĵoj :*

Plej akre oni devas protesti kontraŭ tio, ke kelkaj esperantaj gazetoj represas altruditajn de la eldonantoj tute falsajn opiniojn kaj recenzojn pri esperantaj gazetoj aŭ libroj. Tro da indulgeco estas ja malutila... Same oni povas diri pri libroj : ili preskaŭ ĉiuj estas « belegaj », « interesegaj », « bonegaj » : tradukoj — ofte multeraraj — estas « lertaj », « fidelaj », « bonegaj », ktp. Ni protestas ! Estas dezirinda pli da vera, honesta kritik-kuraĝo !

.˙. *La Dek-Sepa.* El « *Aviado sukcesigos Esperanton* ». (S-ro H. de Coppet) :

...Kiam ni vojaĝos aere, la aeroplanoj haltos ĉe difinitaj lokoj, kie devos ekzisti hoteloj speciale konstruitaj sur la haltejo mem de la aparatoj, ĉar se oni deziros daŭrigi la vojaĝon, estos de la sama loko, ke oni denove ekflugos. Tiuj hoteloj, necesege, devos aparteni al komercistoj parolantaj Esperanton por altiri la vojaĝantojn el ĉiuj nacioj, kiuj ne plu timos la lingvan malsimilecon de la landoj, kiujn ili travojaĝos. Sindikatoj de iniciativo estos kreataj preskaŭ ĉie, kie alteriĝos regule la flugmaŝinoj kaj necesege Esperanto estos la lingvo la plej parolata kaj la plej ŝatata de la turistoj. Nia tre grava Asocio U. E. A. povos multe utili en tiu rilato kaj mi eĉ konsilas al ĝi, ke ĝi okupiĝu, *de nun*, pri tiu punkto, kiu povus gajnigi multe da mono al la regionoj posedantaj bone organizitan sindikaton...

.˙. *Welt-Post*, organo de internacia ligo de interŝanĝistoj, regule publikigos Esp. rubrikon.

.˙. En *En Diaro de Noticias* (Terça Feira, Brazil. 25 aprilo), du favoraj artikoloj, unu pri esperantismo, alia pri la kvara brazila Esperanto-kongreso. — M. S.

.˙. En *Germinal* (Setubal, Portug. 13 majo), pri U. E. A. kaj Esperanto. — G. P.

.˙. En *Groupons-nous* (Troyes, aprilo), alvoko la komercistoj kaj industriistoj pri la traduka servo de U. E. A.

.˙. En *The Irish Times* (Dublin, 22 majo) pri la progresoj de nia lingvo kaj la rolo de U. E. A. en la Internacia Ekspozicio por Turismo en Berlino.

.˙. En *The Warwick Argus* (22 aprilo), resumo de la artikoloj pri « Optika Iluzio, pensoj pri milito », kiuj aperis en la numeroj 95, 96 kaj 97 de *Esperanto*.

.˙. *La Vie Sportive* (Toulon, 16 majo) entenas artikolon de S-ro « Iu », kiu lerte refutas la argumentojn de anonimulo kontraŭ Esperanto ; tiu lasta neoriginalaĵo aperis en *L'Opinion* (6 majo).

.˙. En *Reichenberger Zeitung* (Reichenberg 6 majo), pri la disvastiĝo de Esperanto en Bohemujo. — L.

.˙. *El Obrero Grafico* (Buenos-Ayres) publikigas ĉiunumere artikolon en nia lingvo. — M. E.

.˙. En *Il Cittadino* (Cesena, Italujo, 21 majo) pri esperanto, de instruistino S-ino Natalina Santi-Severi. — A. M.

.˙. La fame konata socialista jurnalo *Clarion* preskaŭ ĉiusemajne presigas artikoletojn en Esperanto. S-ro J. W. Pratt (12 Pellerin Road, Stoke Newington, London IV) danke ricevos el ĉiuj landoj artikolojn pri laborista, socialista kaj revolucia movado, por enpresigo en la citita jurnalo. — J. W. P.

.˙. En la lasta nº de l'organo de la nove fondita asocio *Les Amis de Paris* (La Amikoj de Parizo), kiu celas « ...Alkonduki en Parizon eksterlandulojn, faciligi ilian restadon en la ĉefurbo de Francujo, k. t. p.... » nia kolego M. Génermont, Del. en Parizo, skribis longan artikolon pri Esperanto kaj pri la servoj farotaj de Esp. kaj precipe de l'U.E.A., al tiu nova Asocio kaj al ĝiaj membroj. — T. R.

## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

### OFICIALA INFORMILO

**Diversaj Avizoj.**

.˙. Ĉiuj Esp-ianoj, kiuj ricevis speciale notindajn servojn per U. E. A., estas petataj tion konigi al ni por eventuala publikigo.

.˙. Ni rememorigas la Distr. Del., ke la distriktaj rondirantaj kajeroj devas esti resendataj al la Centra Oficejo de U. E. A. post du rondiroj.

.˙. Ni rememorigas, ke ni *ne* akceptas naciajn poŝtmarkojn, kiel pagilojn, sed nur mandatojn, ĉekojn, bankbiletojn aŭ respondkuponojn (tiuj lastaj laŭ la valoro da 10 sd.).

**Aviada Komisiono.**

La Aviada Komisiono estas nun formita kiel sekvas : S-roj Th. Rousseau, komitatano de U. E. A., prezidanto ; De Coppet prez. de la Esp. Grupo de la XVIIª, Parizo ; Demarcy, membro de la komitato de S. F. P. E., Beauvais ; Dottarelli, Del. en Romo ; M. Genermont, Del. en Parizo ; Ph. Kaliski, Del. en Londono ; Lozano, Del en Madrid ; Leŭt. Martin, Del en Nice ; Matthieu, Del. en Bruselo.

**Junula fako.**

Du fraŭlinoj 17-18 jaraj deziras trovi ian lokon en Germanujo aŭ Francujo kiel akompanantinoj de infanoj. Ili pa-

rolas germane, esp. france, en kiuj lingvoj ili deziras perfektiĝi. Sin turni al S-ro P. Rudnicki, Del., Kopernikstr. 17, Krakow (Aŭstrio).

**Etato de la Esperantianoj.**

Je la 15-a de majo la nombro de la membroj, kies kotizaĵo por 1911 estis ricevita de la Centra Kaso, estas 6.580. (Antaŭa monato, 5.979).

La Del. de la jenaj regionoj varbis lastan monaton pli ol 20 membrojn : *Abbeville, Auckland, Ekaterinodar, Invercargill, Kiev, Melbourne, Porto-Alegre Prostejov kaj Sofia.*

Pli ol 50 membrojn lasttempe atingis la Del. de *Peterburgo.* Koran dankon al ĉiuj tiuj Delegitoj. LA DIRECTORO.

FINANCOJ

*Konteltiro de U. E. A. de Aprilo.*

| ENSPEZOJ | $ | ELPEZOJ | $ |
|---|---|---|---|
| Lupago | 27 60 | Kotizaĵoj | 318 13 |
| Salajroj | 139 » | Aprobantoj | 0 50 |
| Oficejo kaj korespondado | 131 84 | Esperantiaj Entreprenoj | 36 20 |
| Materialo | 46 40 | Donacoj | 11 65 |
| Presaĵoj | 69 » | Aviado | 3 » |
| Insignoj | 55 40 | Gvidfolioj | 10 » |
| Propagando | 63 76 | Distrikta Afiŝo | 23 » |
| Afranko por Jarlibroj | 489 42 | Venditaĵoj | 400 87 |
| Diversaj | 16 60 | Diversaj kontoj | 4 82 |
| | 1.039 02 | | 808 17 |
| | | Saldo | 230 85 |
| | | | 1.039 02 |

*Donacoj por U. E. A. dum Aprilo.*

S-roj : Lore, Sm. 0.80 ; Stekieviĉ, Sm. 0.50 ; Silveira, Sm. 8.04 ; Eckel, Sm. 1.37 kaj malgrandaj, Sm. 0.94. La tuta sumo, Sm. 11.65.

*Donacoj por Internacia Aviada Rondvojaĝo*

S-roj : Laigoier, Sm. 1.00 ; Ŝtaniŝie, 2, sumo, Sm. 3 ; Antaŭaj listoj, Sm. 88.64. Tuta sumo, Sm. 91.64.

**Novaj Del., Vicdel., aŭ Subdel.**

BORGA (Rus. Finlando). — F-ino Aina Andersen, Librejo de Erik Sœderstrom (Vicdel.).

GEFLE (Svedujo). — A. k. Œrn, policisto (Vicdel.).

GŒRLITZ (German. Silezio). — Fernand Mally, Landeskronstr. 5.

GRANADA (Hispan.). — Miguel Pérez Alcarta, kapitano, Infanteria regimento de Cordoba.

MONTBRISON (Franc. Loire). Lafuma instruisto, Avenue Pleuvey.

MÜLHAUSEN (German., Alsace). — Jacques Baumann, Zurheinstr. 2.

REDBOURN (Angl., Hertfordshire). — Arthur Robb, Lubury (Subdel.).

ROMANS (Franc., Drôme). — Pillon, sub-kolonelo.

ST-BONNET-LE-CHATEAU (Franc., Loire). — Allerand, instruisto (Subdel.).

SANSKIMOSTI (Aŭstrio, Bosnio). — Viktor Brolih, Direkt. de la « Kroata Ŝparkaso » (Subdel.).

SEMILA (Aŭstrio, Bohem.). — Stanislav Nozička.

STOCKPORT (Angl., Lancaskire). — William Hatfield, 12, Grosby st.

SUTTON (Angl., Surrey). — A. Honeysett Hill Mount, Thicket Road.

SYDNEY-ARNCLIFFE (Aŭstralio). — Chedgey, Hirat Str. (Subdel.).

SYDNEY-NORTH (Aŭstralio). — F-ino Orr, 4. Bay Str. (Subdel.).

WARNETON (Belg.). — F-ino M. Cornelis, rue de l'Eglise.

WYNBERG, CAPE TOWN (Afriko, Caplande). — G. F. H. Clark.

ZOMBOR ((Hungar.) — Gabor Diosy Aranygerenda ut. 16.

**Restarigo de l'Del.**

Post pluaj klarigoj estas nuligita la eksigo de :

FUNCHAL (Portug., Madeira). — Chr. M. Andreasen, P. O. Box 24.

**Ŝanĝoj.**

CHELTENHAM : La Del. estas nun, W. F. Westmancote, Fernwille, London Rd. — GERONA : La Del. estas nun, Jozefo Doménech Alberich, leŭtenanto Regim. Infanteria 55. — NAMUR : La Del. estas nun, René Lonthie, 9, rue Lucien Namêche. — ORENBURG : La Del. estas nun, Eugène Isaev, Furstadt, Uglitzkaja, d. Leontjeva. — SYDNEY : La Del. estas nun, F-ino Mary Adamson, The Southern Cross Club, 15. Huntes Street. — La Vicdel. estas nun, F-ino Edith M. Andrews « Bery » Pine Street. — TEMESVAR : La Del. loĝas nun, Alfred Bambach, E. Tirol-uteca 93.

**Lokoj, kie ne plu estas Del.**

Elizavetpol. — Scauve.

**Citoj.**

E. TRAUTNER, Del. de Kaiserlautern pro neresp. al. 2 leteroj de sia Distr. Del. (II-a cito).

N. GONZALVEZ, Del. de Linares, pro neresp. al informpeto (II-a cito).

J. RODRIGUEZ-HUERTAS, Del. de Malaga pro la sama kaŭzo (II-a cito).

K. SZEPF, Del. de Kiew. pro la sama kaŭzo (II-a cito).

La Del. ne respondontaj post 2-a cito estos forstrekitaj — laŭ la regularo.

## ALVOKOJ

### Teozofia Esperanta Ligo

Mi prenas permeson atentigi la membrojn de Teozofia-Esperanta Ligo, pri la cirkulero de Doktoro Zamenhof, kiu donas al ni sekvindajn konsilojn. Efektive li klarigas la ĝustan metodon, kiun ni devas uzi por niaj laboroj, dum la venonta Antverpena kongreso, ĉar nia intenco estas utiligi tiel gravan okazon de internacia renkontiĝo por doni al nia Ligo definitivan organizon.

Taŭga kunvenejo estos rezervata por niaj kunsidoj, dank'al afablaj prizorgoj de la Loka Komitato de l'kongreso ; ni povos do fari utilan, fruktodonontan laboron, se ĉiu Liga Sekcio bonvolos sendi al Antverpena kongreso delegitojn, rajtigitajn por la alprenotaj decidoj.

Estus necese ke, ĉe ĉiu Sekcio, oni antaŭekzamenu la ĉefajn punktojn pritraktotajn en ĝeneralaj kunvenoj kaj, por starigi tiun laboron, ĉiu sekciestro aŭ Liga Sekretario devas interkorespondi unu kun la alia. Tiamaniere ĉe la kongreso estos nenia konfuzo aŭ haltigo, ni tuj eklaboros efike kaj bonorde.

Esperante aprobon kaj kunhelpon pri tiu propono, mi salutas tutkore kaj frate ĉiujn samliganojn.

Sino DIOU-TROUILLON, Prezidantino de la Franca Sekcio, 145, Bd Malesherbes, Paris, Francujo.

### Kristanaj Klopodistoj

La tutmonda kunveno de la « Unuiĝinta Societo de Kristana Klopodo » okazos en la usona somerkunvenejo, Atlantic City, de la 6 ĝis la 12 julio 1911. Laŭ la aranĝo de la sekretario. Sro. Wilhelmo Shaw, la 11 an de julio, de la naŭa ĝis kvarono post la deka estas la horo donota al la Esperantistoj. Pastro R. P. Anderson, unu el la tradukintoj de « La Evangelio laŭ Sankta Johano », prezidos la kunsidon.

Oni pridiskutos metodojn de propagando de Kristana Klopodo per Esperanto, kaj sendube organizos *Esperantan Asocion de Kristana Klopodo.* Ni petas, ke la alilanduloj kiuj esperas ĉeesti la kunvenon lernu Esperanton, kaj alportu kun ili bonajn ideojn pri metodoj.

Por informoj : Pastro L. E. GATLIN, Blossburg, Pa., Usono.

### Al kristanaj samideanoj

Dum la 7a kongreso en Antverpeno oni aranĝos du kunvenojn de *Kristanaj Esperantistoj.* Unu servos por Kristanaj junuloj, la alia por ĉiuj kristanaj samideanoj, La preparoj por la unua jam bone progresis, tiel, ke la kunveno certe okazos en la ĉambro de la

K. U. J. V. (rue van Schoonbeke 111) la 20 aŭgusto, psttgm. Pri la dua kunveno oni interkonsiliĝas koncerne la ejon.

La organizantoj nepre devas scii la nombron de la partoprenontoj; do, ĉiuj, kiuj intencas ĉeesti la kunvenojn estas kore petataj sendi kiel eble plej baldaŭ sian nomon al Sro Paul Hübner, Hubertusstr. 45, Dellbrück bei Koln (Germanujo).

### Al ĉiulandaj bestkuracistoj

Mi petas ĉiujn delegitojn kaj samideanojn varbi la adeptojn inter bestkuracistoj ĉu parole, ĉu per sendo de l'alvoko en mia nomo al la redakcioj de specialaj ĵurnaloj aŭ al la lokoj, kie sin trovas plej multe da veterinaroj, kun kiuj mi ĉiam plezure korespondas. Krom tio mi tre petas sendi al mi *tradukojn el nacilingvaj ĵurnaloj* pri diversaj temoj el nia specialeco, ekz. pri brut- kaj birdedukado, buĉafero k. s., mi tiujn tradukos rusen kaj presigos en nia ĉefa vet. ĵurnalo, kiu favoras nian movadon kaj ĉiam presigas miajn tradukojn, kiujn sendas al mi gesamideanoj aŭ tiritajn el esp. gazetoj. Mi petas helpi min kaj certigas, ke ĉiu noto estos subskribita de la nomo de l'sendinto, kiun mi rekompencos per vidaĵkarto. Oni estas petata ankaŭ konigi al mi la nomojn de veterinaroj, kiuj scias aŭ lernas nian lingvon.

La esperantistoj ĉiam devas helpi unu la alian. Antaŭdankon!

Veterinaro N. Foss,
Del. Ufa, Rusujo.

# Esperantia Parolejo

### Oni laŭdas! Esperanto en la praktika servo de U. E. A.

Dum la 16a-23a de Aprilo 1911 la Zuriĥa kantunuiĝo *Mannerchor Aussersihl Zürich* vojaĝis eksterlanden al Inssbruko-Bozen-Riva-Lago de Garda. — Desenzano-Verono-Venezio-Triesto-Venezio-Milano-Zuriĥo.

Ĉar la nombro de la partoprenintoj estis granda 207 sinjoroj entute, la antaŭaj preparaj laboroj por la vojaĝo postulis multan penon.

La por tio ekstre elektita komitato, al kiu ankaŭ apartenis mi devis interrilatiĝi kun multaj hoteloj, kun fervojsocietoj svisa, aŭstria kaj itala, kun la vaporŝipsocieto de la lago de Garda kaj skribi amason da leteroj pri cent aliaj aferoj; ĉion tion jam tri aŭ kvar monatojn antaŭ la efektivigo de l'vojaĝo. Ni estis trapasontaj la germanan Tirolon, Italujon, kaj Svisujon, landojn kun malsamaj lingvoj.

Kio do povis esti pli memkomprenebla ol la penso, profiti la okazon por praktike uzi nian karan Esperanton. Senprokraste mi turnis min al la Del. de U. E. A. loĝantaj en la diversaj de ni trapasotaj urboj de Aŭstrio kaj Italujo, petante informojn pri la prezo de manĝado, de loĝado en bonaj gastejoj, pri hoteloj rekomendindaj k. t. p.

Samtempe aliaj membroj de la vojaĝa komitato skribis nacilingve al multaj hotelistoj de la samaj urboj.

Tiamaniere la esperantaj respondoj de la delegitoj de U. E. A. povis servi kiel valora kaj por ni ŝatindega kontrolo de la hotelistaj postuloj.

Ĉu la maŝino de U. E. A. bone funkciis? Bonege! Kun plej granda plezuro publike mi ĉi tie citos la nomojn de la sindonemaj samideanoj kiuj tiel ĝentile kaj oferprete respondis al niaj demandoj donante al ni utilegajn klarigojn.

De *Innsbruko* anstataŭ D-ro Simbrigen respondis S-ro D-ro *Papoch*, deklarante ke kun plezuro li ĉion faros por plifaciligi nian ĉeestadon, por trakti en nia nomo kun la hotelistoj. De *Triesto* ĝentile trifoje skribis S-ro *V. Pohusta*, preta por interrilatiĝi kun hotel posedantoj kaj por trovi decan restadejon al ĉiuj 207 alvenontaj; de *Milano* aŭdiĝis S-ro *Luciano Cattorini*, rekomendante la plej bonajn hotelojn de la lombardia ĉefurbo; de *Verono* sendis detalan klarigon S-ro *Cesaro Stevanini*. El ĉiuj ne unu silentis post nia alvoko. U. E. A. do neriproĉeble funkcias, la Del. ofereme faras sian devon, ili meritas publikan dankon.

En *Verono* du samideanoj serĉis inter la kantantaro fremdan Zuriĥan Esperantiston. Bedaŭrinde mi estis tiel okupata kiel ano de la vojaĝa komitato kaj kiel interpretisto, ke mi ne povis dediĉi eĉ duonhoreton al italaj amikoj. Vane S-ro Stevanini, Del. de U. E. A. klopodis por trovi min en hotelo « Accademia »; kiam post la tagmanĝo li tie alvenis, mi jam estis forfluginta kaj forvojaĝonta Milanon.

Post nia alveno en *Triesto* mi havis la plezuregon konatiĝi persone kun la nelacigebla Del. S-ro *Pohusta*, kiu tiom laboris por nin servi. Kun li estis tuta anaro de Esperantistoj hungara, kroata, itala, austra-germana, ĉiuj dezirantaj konatiĝi kun la samideano veninta de tiel malproksima norda lando... Inter aliaj ĉeestis D-ro *Ghez*, vicdel. de U. E. A., samideano tre klera kaj parolanta Esperanton kiel vera profesoro; amike babilante ni pasigis agrablegan horeton kaj kun plej granda ĝojo mi ĉiam rememoros la varman printempo-noktom en Triesto, kiam antaŭ la eleganta kafejo Specchi ĉe la Piazza grande tiom diverslingva grupo de samideanoj frate parolis en Esperanto, en la lingvo por ĉiuj (1).

H. Fridœri (Zuriĥo).

### Alvoko!

Multaj partianoj de Esperanto, pro la deziro ne tro ofendi la naturajn antaŭjuĝojn de la publiko, konsideras ke nia lingvo ne estas taŭga por la literaturo kaj aljuĝas al ĝi rolon ekskluzive komercan. Sed tia pretendo estas tute ne pravigebla. Ĉia idiomo, kiu por la literaturo ne estas taŭga, por alia rolo ankaŭ ne estas taŭga, ĉar la literaturo estas la plej primitiva formo por la esprimo de la homa pensado.

En ĉiu lingvo la poeziaj produktajoj ĉiam antaŭiris la prozajn verkojn. En Esperanto kiel en ĉiuj aliaj idiomoj, tiu-ĉi fakto estas konstatebla. La unua verko pri Esperanto enhavis du poeziojn de nia Majstro : la « Espero kaj Ho! mia kor!... La unua versaĵo fariĝis la himno de la Esperantistoj, la viviga Kanto de la unuaj pioniroj, de la unuaj batalantoj de nia afero.

De post tiu epoko, en ĉiuj landoj leviĝis legio da esperantistaj poetoj. Unuj per flamaj versaĵoj vigligis la novajn adeptojn, montrante al ili la noblecon de ilia celado. Aliaj tradukis ĉefverkojn el diversaj famaj poetoj kaj tiel pruvis la belsonecon, la harmonion kaj la mirindan flekseblecon de nia lingvo.

Mi do proponas la projekton fondi « Internacia'n Rondo'n de esperantistaj poetoj » kies celo estus :

1e) Propagandi la esperantan literaturon inter la novaj adeptoj; 2e) Diskonigi la verkojn de ĉiuj famaj naciaj poetoj per esperantaj tradukoj, por montri la taŭgecon de Esperanto por la esprimado de la sentoj kaj ideoj; 3e) Eldoni gazeton por ebligi al ĉiuj esperantistaj poetoj presigi siajn verkojn kaj favori la pliriĉiĝon de nia literaturo.

Ĉiuj interesiĝantoj je tia propono bonvolu sin turni al S-ro S. Frantz, 21, rue Alain-Chartier, Parizo.

### Oni proponas!

∴ La banestraro de *Bad-Kissingen* (Bavarujo) rifuzas la eldonadon de esperantaj prospektoj aŭ gvidfolioj. La delegito *insiste* kaj *urĝe* petas ĉiujn samid. sendi tuj poŝtkarton por peti tiun eldonon. Tiel ni pruvos la disvastiĝon de nia afero. Adresu al : kgl. Badkommissariat, Bad-Kisslingen, Bayern. — H. N.

∴ S-ro H. Fricke, Del. en *Frankfurt*. M. proponas, ke ĉiuj samideanoj, kiuj intencas restadi en urbo de la kongreslando, petu *Esperante* informojn senpere de la tieaj hotelestroj, por ilin atentigi pri nia lingvo.

---

1) Tia uzado de la servoj de U. E. A. estas tre rekomendinda. Oni uzu la okazon por varbi la societon profitintan kiel Esperantian Entreprenon. Same la Delegitoj de la urboj kie trapasis tia karavano da turistoj nepre tuj klopodu por varbi, ankaŭ kiel Esp. Entr., la hotelojn kie ĝi loĝis kaj la societojn por informoj al la fremduloj, Iniciatajn Sindikatojn k. c. Oni bonvolu rememori ke nur per sufiĉaj monrimedoj U. E. A. povas zorgi pri la bona funkciado de la nun ekzistantaj servoj kaj kreo de novaj. — (Red.)

## Esperantia Vivo

**Naskiĝo**. — La 15 majo, filo naskiĝis al geesperantianoj *Georges Nallet*, en Hyères (Suda Francujo).

# REKLAMO

### TARIFO

**Anoncetoj**.

KORESPONDADO. — *Unu enskribo (2 linioj): 20 Sd (= 50 centimoj).*

PETOJ & PROPONOJ; KOMERCAJ REKLAMOJ. — *Unu linio (10 vortoj): 15 Sd (= 40 centimoj).*

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulinian anonceton senpage.*

**Reklamo**.

*1 linio aŭ ĝia spaco 20 Sd (= 50 centimoj).*

*Por 4 enpresoj (anonceto aŭ reklamo) rabato de 10 o/o; por 12 enpresoj, 25 o/o; por 24 enpresoj (unu jaro), 50 o/o.*

AVIZO. — Ĉia reklamo aŭ anonceto estu sendata antaŭ la 10-a kaj 25-a de ĉiu monato al nia administrejo aŭ per niaj agentoj. Antaŭa pago per poŝtmandato aŭ respond-kuponoj. Naciaj markoj ne akceptataj (krom por Hispanujo kaj Rusujo).

ĜENERALAJ AGENTOJ. — G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris*; Publicité Esperanto Herlemont, 25, rue Saint-Vincent-de-Paul, *Paris*, X$^{e}$; S-ro A. Dupuis, rue de l'Arc-de-Triomphe, 2, *Paris*; A. G. Browne, 20, Wellington St. Strand, *London, W. C.*; Tutmonda Esperanto-Anoncekspedo, Th. Auding, *Berlin, S. W. 48*; Germana Esp. Librejo, Sternwartenstr., 40, *Leipzig*; Esperanto-Librejo, Tverskaja 28, *Moskvo*.

### KORESPONDADO

Ni atentigas la personojn, enskribitajn sub tiu rubriko, ke ili devas konsideri kiel *devon* kaj *honoron* respondi almenaŭ *unufoje* al ĉiuj personoj, kiuj skribos al ili laŭ tiuj anoncoj. Ĉiuj korespondantoj skribu sian adreson plej legeble (en nacia lingvo), se eble per stampo.

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b.fl. = *bildflanko*.

REVAL (Rusujo). — J. Grüntal, fotografisto, Grosse Ioahimstal strasse N$^{o}$ 34 kun ĉiulandaj fotografistoj kaj-inoj. Profesia scienca celo. P. I. fotografaĵoj. Tuj dankeme respondas.

BOULOGNE-SUR-MER. — S-ro Victor Haigneré, internaciaj transportoj, 149, rue du Moulin-à-Vapeur, PI.

PARIS (Francujo). — G. Charles, 10, rue Thouin (V$^{e}$). PI.

WISCHAU (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Gottfried Neubauer, sukerfabrikoficisto, PI. L. PM. kaj fotografaĵ., kun ĉiuland. samid. prefere ekstereŭrop.

MOSKVO (Rusujo). — S ro V. Ŝablovskij, Novinskij bulvar, Progonnij pereul. d. 9 kv. 5. PI. L.

EBERFELD (Germ.). — F-ino E. Hennecke, 9, Arminiusstr. PI. L.

TANGERO (Maroko). — S-ro Pierre Cras, leŭtenanto de franca krozŝipo « Forbino ». L kun aliland.

ROMANS (Franc.). — Subkolonelo Pillon aĉetas, interŝŝ. kaj cedas PM.

KANSAS (Usono). S-ro James R. Wolfe, Box 106, Lewis, Edwardo C$^{o}$ PI. PM. fotogr., moner., Esp. jurn. fervojbilet.

PARIS (Franc.). S-ro Fernand Sarles, 11, boulevard de la Villette.

VERONA (Ital.). S-ro Borgo Frento; D. Guiseppe Chiot, PI.

SELMECBANYA (Hungarujo). — S-ro Volfinau Gyula, PM.

STUTTGART (German.). — S-ro Hans Bœning, Neue Weinsteige 60 II. L.

BRUXELLES (Belg.). — S-ro V. Lamberts, 27 Rivierstr. Nur belaj PI. PM. b. fl. kun neeŭropanoj. — S-ro A. Mampaey, 53, rue Véronèse, nur PM.

ANVERS (Belg.). — F-ino V. De Cleyn, 3, Pl. Willem Ogier PI. PM.

VERSAILLES (Franc.). — S-ro Hennion, 5$^{me}$ génie, C$^{ie}$ 21/4. PI.

EAST MAITLAND (Aŭstralio). — Del. E. A. Pryke (dez. ricevi) ekz. de la Biblio, aŭ Sanktaj Skriboj, en ĉiuj lingvoj reciproke sendos Novan Testamenton en angla lingvo.

YIĈIN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro F. Machytka, poste restante, Kun neeŭropanoj. Ĉiam certe respondos. PI.

CHAMFORGEUIL (Franc. apud Chalon-sur-Saône, S.-L.). — S-ro Pierre Chatelet, PI. kun alilanduloj.

BOGORODSK Moskovsk, gub. (Rusujo). — S-ro E. Dunski PI. d.

SAINT-ANDRÉ-DE-CUBZAC (Franc, Gironde). — S-ro Fernand Constantin « Ecole Normale » PM. PI.

RAKOSLIGET (Hungar.). — Aladar Zador, VI. u. 13. PI. PK.

S. PIETRO INCARIANAO (Verona, Italia). — S-ro Antonio Fasoli PI. ne b. fl.

BARCELONA (Hispanujo). — Pedro Agnilo, Strato Provenza, 135. P. J. L.

PLEVEN (Bulg.). — S-ro Simeon N. Corbaĝier, poste restante, dez. interŝ. esper. gazetojn.

YOKAZI NAZLI (Turk.). — S-ro Mihael Kajakopoulos, str. de Meandro.

TROYES EN CHAMPAGNE (Franc.). Odette Doré, Villa Esperanto 11 jara, PI. kun gesamjaruloj aliland.

KRARNEY (Usono Nebraska). — S-ro Robert J. Hill, Corner 6 th. Avr. and 27 th. St., PI. kaj L.

BARCELONA (Hispan.). — S-ro Antonio Pla, str. Ancha 90, 2$^{o}$ L kun franc. lernan de hisp. lingvo por recipr. ekzerc. en lingvo. franc. kaj hisp.

GŒRLITZ (Germ.). — S-ro Herm Quicker Jahnstr 18, PI. PM. b. fl.

SAINT-LOUIS Mo (U. S. A.). — S-ro S. J. Ketipoff, 508. S. 2$^{nd}$ str. per PI. nur kun geesp. de Ĥin., Japan., Alĝer., Marok., Pers., Tunis., Tasman. kaj Nova Zelando.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro N. Feplickij, Moĥovaja, 17, kv. K. PI.

SOPRON (Hungarujo). — S-ro A. Korak, Szentgyœrgy. u. 14. — S-ro J. Gabor, Szentgyœrgy-u. 12. — S-ro S. Varga, Szentgyœrgy n. 6. PI.

SAINT-CHAMOND (Franc. Loire). — F-ino M. Bayard, 2, St. de la Gare IP.

HAPSAL (Estlando Ruslando). — Fotografisto Grüntal Foto-Atelier Grüntal kun ĉiulandaj gefotografistoj kaj — antoj. Fotografaj PI. foto-aĵoj. (Sendu nur belaj fot-njoj).

REVAL (Estlando Ruslando). — Medvesi unu 41, kort. 6. — F-ino Bergman PI. L.

REVAL (Estlando Ruslando). — S-ro Selge Vladimiri nul, n$^{o}$ 7/9 PI.

REVAL (Estlando Ruslando). — S-ro Saudsep, L. Vaesteksoli nul N$^{o}$ 28, PI. p. m. b. fl.

KAPOSVAR (Hungar.). — S-ro Josefo Tihamji, majoro, dek. koresp. rilate al la artikolo de « Juna Esp » maja N$^{o}$ 1911. Pri optika interkompreniĝo per nur 17 depeŝsignoj Morse'aj.

BITTERFELD (Germ.). — S-ro W. Prziztulla, Binnengärtenstr, 6. — S-ro A. Schiebel, Neuestr, 32. — S-ro Max Kirchhoff, Mittebtr, 13. Ĉiuj PK. PI. b. fl.

LA REOLE (Franc. Gironde). — S-ro Paemelaire, P-ro en Terkultura lernejo PI. kun bildoj de grandaj aŭ formeksterordin. arboj, Nur Europo.

HAMBURG (Germ.). S-ro Woldemav Ernst, bankoficisto, Dillstr. 20. (kun fremdlando).

NIJNIJ-NOVGOROD (Rus.). — S-ro V. Krestovskij, Telaĉja 20. PI.

PRAHA (Aŭstrio). — S-ro M. Weisskopf II Zitna ul. 53; L pri sociaj temoj kaj fakaj aferoj (komerco). kun fremdlando.

DELIJAN (Kaŭkazio. Rus.). — S-ro Suren Ananjan (Elizavetpol. gub.). PI. PM.

Roubaix (Franc., Nord). — S-ro Louis Wagnon Fils, 22, rue de la Paix, Pl. L. PM. PK.

Valencia (Hispan.) S-ro Vicente Marti, Vizitacion, 2, Pl.

Nevers (Franc.). — S-ro Donnadieu, 24, rue du Chemin de Fer, Pl. (p. m. b. fl.).

Nazli (Turkujo). — S-ro Salik Soubhi, ibrahim efendi kadi zadè. Pl. L.

Paris (Francujo). — S-ro A. Levoy, 5, Quai de Montebello, Pl. L. Pri vivo precipe kun geamerikanoj.

Paris (Francujo). — F-ino J. Garnier, 5, Quai de Montebello. L. kun gesamideanoj el la tuta mondo.

Aachen (Germ.). — Victor Pinagel, 38 Lüttichesstr., Pl., precipe popoltipoj; fraŭlino *Selma Fraenkel, Adalbertsteinweg 26,* Pl. kun negermanoj.

Manlleu (Hispan. Katalun.). — S-ro Ramon Casas, strato. bajo Cortada 22.

Čelčice u Nezamyslic (Aŭstrio, Moravio). — F-ino Lida Vyslouzilova Pl. PM.

Nemčice u. Nezamyslic (Aŭstrio, Moravio). — Maria Mraček Hruška Pl. PM.

Paris (Franc.). — S-ro J. Lauras, inĝ., 29 R. Madame. Ĉiuj landoj.

St-Etienne (Franc.). — S-ro J. Grangette, 38, R. des deux amis. Pl. L. kun afrikanoj, Sud-Amerikanoj kaj parizaj komercoficistoj. — S-ro P. Laroux, Poste restante, Pl. b. fl. kun fraŭlinoj aŭ eksterEŭropaj sinjoroj. — F-ino M. Perche, 11 R. Vaucanson, Pl, b. fl. kun ne francaj sam.

Huddersfield (Angl.). — S-ro H. Hirst, 46 Thornton Lodge Rd, kun ne britaj sam. Pl. L.

Burnley (Lancs. Angl.) — S-ro G. H. Midgley, 10 Beverley st., Ŝakludo.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

GRANDA HOTELO DU GLOBE, Paris, 71, Rue Monge (apud Rue Lacépède). Posedanto A. Leclerc. Proksime stacidomoj Austerlitz-Lyon-Montparnasse kaj Sportoĝardeno Sorbonne-Luxemburg'a ĝardeno. Ĉambroj de 0,80 Sm. ĝis 2 Sm. La gemastroj estas esperantistoj.

FRANCON aŭ Francinon akceptus kiel pagantan gaston gedoktoroj Poole ; ili parolas angle, france, iom esperante. Celo : reciproka lingva ekzercado. Skribu rekte : North Side House, Linchwaite, Huddersfield, Angl.

EKSPEDA FIRMO. — Krook Persson, en Lübeck. Ekspedoj la nordo. Eksport- kaj import-komisioj. Adreso : G. Klefe, Unterave, 8, Lübeck (Germanujo).

SENPAGAJ INSTRUKCIOJ pri hipnotismo kaj pri magnetismo. Sin turni al Societo Psychique, Paris XIXe, 142, rue Flandre.

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastia (Hispanujo).

ATENTU ! Bonvolu antaŭ sendi Mk 1 (1 fr. 25) kaj vi ricevos sukceplenan novan kanton : *Mi amas vin* (5 ekz. Mk 4. — Fr. 5 ; 12 ekz. Mk 8. — Fr. 10 ; 20 ekz. Mk 12. — Fr. 15 ; 40 ekz. Mk 20. — Fr. 25. — S-ro Felix Hlobil, Valaŝ. Meziriĉi, Austrio-Moravio.

LA DEL. DE U. E. A. EN AMERIKO, kiuj scias ion pri mia frato, Julius Pfennigwerth laste en Granite City, Ilinos. estas petataj sendi sciigon al Robert Pfennigwerth, Hirschfelde i. Sa. Germanujo.

« GESTUDENTAJ INTERESOJ. » — Sola studenta organo. Jarabono Sm. 1. — Redakcio : « Esperanto » en Luhačovice (Aŭstrio, Moravio).

RIPREZENTADO. — D. Mazzini Nipote, Genova, Italujo, serĉas riprezentadon por Italujo de fremdaj firmoj por la vendado de kafo, feloj, produktoj por tanistoj, ĥemiaĵoj, oleoj, sebo, k. t. p. Oni korespondas esperante.

DUM LIBERTEMPO 12-15 jara *germana knabo* trovos lokon en tre bona pola familio de akademia Profesoro loĝanta en vilaĝo apud Krakow. Pagos la vojaĝon, donos la nutradon kaj zorgos same kiel pri propraj infanoj. Por informoj : St. Rudnicki , Kopernik ul 17, Krakow (Galicio, Aŭstrio).

AL ĈIUJ TRIESTE-AJ Esperantianoj precipe al la Del. S-ro Pohusta kaj Vicdel. S-ro D-ro Ghez pro iliaj afablaj ĝentilaĵoj dum la restado en ilia urbo esprimas tutkoran dankon R. Rubčić, Del. Dubroonik-Ragusa.

ESPERANTISTOJ kiu volus traduki la artikolojn pri iu ajn temo el esperanto en sian nacian lingvon kaj efiki, ke tiuj artikoloj estu publikigataj en naciaj gazetoj, tiu bonvolu sciigi sian Adreson a redakcio sub ŝifro : tradukarto 28. La tradukoj estos pagotaj au premiitaj.

LERNEJO. — En la ĉirkaŭaĵo de Bordeaux, proksime de la mondfamaj vinberkulturejoj, kuŝas lernejo por kulturado de vinberejoj kaj kampoj. Bonegaj kondiĉoj por fremduloj. Oni parolas Esperante.

Por informoj : S-ro Direktoro de l'*Ecole d'Agriculture et de Viticulture*, La Réole (Gironde, Franc.).

INTERŜANĜO. — Kiu familio en belga marbanloko akceptus dum aŭgusto-septembro *muzikinstruistinon* (par. germane, france. angle, holande, esper.) ? ŝi donus kompense lecionojn pri muziko kaj germana lingvo. — M. Bartholome, Wiesenstr, 63, Essen-Ruhr (Germ.).

LIBERTEMPAJ LECIONOJ. — Francan Esperantiston, kiu deziras perfektigi sian konon de angla lingvo, akceptus kiel gaston la subskribinto, jurnalisto. Celo : reciproka lingva ekzercado ; restado senpaga. Skribu senpere al : S-ro *A. Kenyon*, Sunnyside, Cleeve Ŝtill, *Cheltenham* (Anglujo).

ADRESŜANĜO. — Pastro T. Atanasof, prez. de l'Esp. grupo, *ne plu estas* en Jambol (Bulg.). Oni nun skribu al: S-ro Penko Petrov, Librovendisto.



## GRAVEGA PETO!

Nia tre fervora samideano D-ro cand. rer. nat. Erwin *Heydweiller* estas *malaperinta* depost la 25^an^ de aprilo.

Je tiu tago li forlasis sian loĝejon en Gœttingen por fari ekskurson aŭ vojaĝon (verŝajne al iu montaro) kaj ne revenis. Ĝis nun oni ne trovis ie postsignon. Tial oni timas, ke iu malfeliĉo lin ekkaptis.

Ĉiajn informojn pri lia restado dankege akceptos la patro S-ro profesoro Heydweiller en Rostock (Germanujo).









*La Administranto (Gérant): MICHAUD*

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).



# ESPERANTO-OFICEJO

**Sinjorino FARGES, 36, strato Victor-Hugo, LYON (Franclando)**

*Ricevinta la 1-an premion en la konkurso de U. E. A., en la V-a kongreso en Barcelona*

Informejo por la fremdaj geesperantistoj. Centra propagandejo por la Rodana regiono. || Vendejo de ĉiuj Esperantistaj libroj kaj ĵurnaloj kaj ĝenerale de ĉiuj Esperantaĵoj.



**BUSTO de D-ro ZAMENHOF**

*Verkajo de Jean CHOREL*

Lyon'a Skulptisto, Medalita de la Paris'a Salono. — La Majstro pozis speciale en Lyon je Septembro 1909-a.

Gipsa kopiaĵo alta je 18 cm., larĝa je 13 cm., en kartonskatolo

Prezo nete : **5 frankoj - 2 $**

Gravaj rabatoj por la Esperanto-Oficejo

Ligna kesteto (1 fr.) estas rekomendata por la sendoj al fremdaj landoj

La aĉetanto pagas la sendelspezojn plie

**Silkaj Esperantistaj flagetoj** (4cm sur 6cm), **fiksitaj sur pingloj. — Silkaj ĉiunaciaj flagetoj** (4cm sur 6cm), **fiksitaj sur pingloj**

Ĉiu flageto : **0** fr. **20** (0 $ 08)

*Specialaj prezoj pogrande por la Oficejoj, Grupoj kaj Societoj*

**LYON** — 20 malsamaj poŝtkartoj kun vidaĵoj de la monumentoj. || **VIENNE** — 20 malsamaj poŝtkartoj kun vidaĵoj de la antikva romana urbo.

*Kun klariga teksto en Esperanta kaj Franca lingvoj*

| | | |
|---|---|---|
| La kolekto da 20 | **0** fr. **85** | (0 $ 34) |
| — 100 | **3** fr. **50** | (1 40) |
| — 500 | **15** fr. **50** | (0 20) |

**4 malsamaj poŝtkartoj pri la Ruĝa Kruco Esperantista**

(eldonitaj de la Lyon'a Esperanto-Oficejo)

| | NIGRAJ | KOLORIGITAJ |
|---|---|---|
| La kolekto | **0.40** (0 $ 16) | **0.60** (0 $ 24) |
| 100 | **4.00** (1 60) | **6.50** (2 60) |
| 500 | **18.50** (7 40) | **21.00** (8 40) |

**SAINT-ETIENNE.** — 12 malsamaj poŝtkartoj kun vidaĵoj de la monumentoj, kaj kelkaj vidaĵoj de Rochetaillée.

La kolekto : **0** fr. **50** (0 $ 20)

**Esperantistaj Sigelmarkoj** (verda stelo sur blanka fundo kun la vorto « *Esperanto* ») gluhavantaj sur la dorsa flanko, gluigotaj sur leterpaperoj, kovriloj, afiŝoj aŭ en kunvenejoj kaj vagonfakoj. Bonega propagandilo.

| | | |
|---|---|---|
| 500 markoj | **1** fr. **50** | (0 $ 60 |
| 1.000 markoj | **2** fr. **50** | (1 $ » |

**La Firmo S. FARGES estas :**





La plej granda presejo kaj eldonejo de poŝtkartoj en Lyon ;

La plej granda vendejo kaj interŝanĝejo de poŝtmarkoj en Lyon.

***Oni sendas kolektojn por elekti kontraŭ monsumo***

La « Esperanto-Oficejo » deziras ricevi broŝuretojn, foliojn, specimenojn kaj proponojn pri propagando kaj komerco.

---

**Kvaroncentjara SPERTO pri Publikigarto**



# ILUSTRIGU

*VIAJN*

**ENPRESAĴOJN**

*KAJ*

*ĈIUJN VIAJN*

**PRESAĴOJN**

*PER*

*LA*

**PUBLICITE**

**Esperanto**

**HERLEMONT**

**25, rue Saint-Vincent-de-Paul, PARIS (Xe)**

Grafikaj Artoj de Publicite " ESPERANTO ", Herlemont

---

**Kontraŭ**

**Reŭmatismoj, Iskiatiko, Lumbago, k. a.**

***la negrasaĵa balzamo***

# "ASARCOS"

**estas la plej efika kaj la plej pura el ĉiuj eksteraj kuraciloj.**

Sendo kontraŭ poŝtmandato da :

por Francujo : frankoj **2** » (Sm o.80)

por Fremdlandoj : » **2.25** (Sm o.90)

Skribu al S.ro J. BOUGE, farmaciisto, GRASSE (Francujo).

---

# HOTELO

## LOUIS-LE-GRAND

**2, rue Louis-le-Grand, PARIS**

En belega loko, inter la rue de la Paix kaj Avenue de l'Opéra. Moderaj prezoj. Oni parolas en Esperanto. English Spoken. Man spricht Deutsch. Se habla Español.

---

BORDEAUX-VINOJ

# Firmo Emile LAMY, Posedanto

*BORDEAUX (Francando)*

Vinoj de Tablo. Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo aŭ duonbarelo.

Vinoj Maljunaj. — Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo, duonbarelo, kvaronbarelo, aŭ per kesto, diversspeca.

*Likvoroj de Vinoj — Alkoholoj — Ĉampanoj.*

Sin turni al Sro **Arnoux,** sola agento, 11, strato Chaligny, Paris (Francando). Sendo de specimenoj laŭ peto. Oni korespondas Esperante.